XXII^a jaro. N° 309 (5) ☆ Monata ☆ Majo 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |

ENHAVO



## Esperanto ĉe vilaĝanoj.

Ĵus reveninte el propaganda vojaĝo tra Sudslavio mi profitas la okazon por tutkore danki niajn agemajn samideanojn en tiu ĉarma lando pro ilia amika gastamo kaj fervora kunlaborado. En la bela kroata ĉefurbo Zagreb svarmas tre sindona grupo da esperantistoj, kiuj bonege kaj flue parolas nian lingvon.

Eĉ sur la kamparo, je pli ol cent kilometroj de la centro, mi trovis areton da junaj kroataj vilaĝanoj kapablaj babili en perfekta Esperanto pri ĉiuj problemoj de sia nacia vivo kaj ekonomio. Aŭdante ilin oni ĉerpas novan fidon en nia afero.

Jen la vera „latino de l' demokratio", la lingvo tiel simpla kaj facila, ke ne nur laboristoj en urbegoj industriaj, sed ankaŭ la kamparanoj dissemitaj tra la vasta landaro, povas ĝin lerni kaj uzadi por akiri kontakton kun eksterlando kaj senti sin pli proksimaj al la tuta homaro.

Tiamaniere realiĝas la bela penso de nia Majstro, kiu deziris, ke lia lingvo unuigu la popolojn mem en granda rondo familia, dum la lernado de fremdaj lingvoj — pro ilia malfacileco kaj multeco — servis ĝis nun nur tre limigitan eliton en ĉiu lando.

Se nur la publiko povus ankaŭ vidi kaj aŭdi kiel flue kaj plezure interparolas tiuj vilaĝanoj, tiam ĝi ekkomprenus pli bone la celon kaj signifon de Esperantismo.

Krome oni ne rakontu, ke nia movado endanĝerigas la naciajn kulturojn kaj celas al senkoloriga malplaĉa unuformigo de la tuta mondo. Tute male per Esperanto ni povas rekte aŭdi de la popolanoj mem pri siaj naciaj moroj kaj kutimoj. Legante la belajn kroatajn poemojn en traduko de Marro Ŝpicer, aŭ sekvante klarigojn en Esperanto pri la pentrindaj naciaj kostumoj kaj admirindaj manverkaĵoj de la kroataj virinoj, mi ĝuste sentis unufojon pli kiom helpas nia lingvo pli bone koni kaj ŝati tiujn naciajn trezorojn de tiel nomitaj „malgrandaj popoloj", kiuj restis ofte pli tipaj kaj eĉ pli ĉarmaj ol ĉiuj riĉaĵoj de la plej grandaj.

En Finnlando ni jam sentis tion dum la Helsingforsa kongreso, kiam niaj tieaj amikoj regalis nin per literaturaj vesperoj kaj havigis al ni la okazon eĉ saluti veran bardon laŭ la antikva tradicio. Kaj kiom ni jam eklernis pri la hungara literaturo dank' al talento de Kaloczay kaj Baghy!

Krom la demando pri utileco praktika, Esperanto ankaŭ solvas la problemon pri egaleco. Per ĝi ĉiuj popoloj staras egale sur unu sama bazo kaj ricevas saman ŝancon konigi eksterlande sian valoraĵon en la tutmonda trezoro aŭ sian sonoron en la internacia koncerto.

Estas multe pli bone, se la nacioj trovas en Esperanto rimedon faciligi sian koron ekstere kaj samtempe lerni pri la ceteraj ol se ĉiuj sin laŭdas al si mem en propra lingvo kaj turnas al si la kapon per interna trosangiĝo.

Same kiel societa vivado de individuoj baldaŭ poluras angulojn kaj forigas troajn egoismojn, tiel same la intervivado de nacioj malpliigas blindan ŝovinismon. Zamenhof estis granda saĝulo kaj ni ĉiupaŝe renkontas pruvojn de lia klarvido.

*Edmond Privat.*

# LITERATURO

## La nesolvita problemo.

De *Barry Pain*.
(Tradukita laŭ afabla permeso kaj aranĝita por ludi de *John T. Holmes*).

Roluloj:
Li . . . La edzo.
Ŝi . . . La edzino (Elizo).
Scenejo: Ĉambro kun tablo kaj du ĝis tri seĝoj. Ŝi sidas kaj foliumas dommastruman kontlibron. Li sidas kaj legas ĵurnalon.

*

Li (levante la okulojn de la ĵurnalo): Elizo, ĉu vi opinias, ke mi pli amas vin ol vi min, aŭ ke vi pli amas min ol mi vin?

Ŝi (ankoraŭ rigardante la kontlibron): Kiom estas dekok minus dektri?

Li: Mi ja opinias, ke kiam mi parolas al vi, vi devas iomete atenti.

Ŝi: Unu funto sterlinga, dekkvin ŝilingoj kaj du pencoj . . . kaj mi esperas, ke vi scias de kie havigi ĝin, ĉar mi ne scias. (Li pugnofrapas la tablon.) Kaj ne frapegu la tablon tiamaniere, ĉar vi elverŝos la inkon.

Li (kolerete): Mi ne frapegis. Mi nur frapetis pro pardoninda malpacienco. Al vi mi faris klaran demandon antaŭ nelonge kaj mi ŝatus klaran respondon je ĝi.

Ŝi: Nu! Kial vi volas babili, kiam vi vidas, ke mi kalkulas. Tamen, kio estas?

Li; Jen mia demando. Ĉu vi opinias, ne, — ĉu vi opinias, ke mi pli amas min — mi volas diri, ke vi pli amas vin, — nu, ni rekomencu. Kiu el ni du, ĉu vi dirus pli amas la alian, ol la alia la — — Ho, malbeno! vi scias kion mi volas diri.

Ŝi: Ne, mi ne scias, sed nenecesas, ke vi blasfemu.

Li: Mi ne blasfemis. Nu, se vi ne povas kompreni min, mi penos klarigi ĝin pli simple. Ĉu vi pli amas ol mi? Jen!

Ŝi: Pli amas kion?

Li: Pli amas unu la alian?

Ŝi: Ho! vi volas diri, ĉu ĉiu el ni pli amas la alian ol la alia ĉiun?

Li: Mi volas diri nenion tian. Ĝis vi konfuzis ĝin, la afero estis tute klara. Nu, ni du estas du, ĉu ne?

Ŝi: Jes, mi scias tion, sed — — —

Li: Atendu momenton. Mi ja intencas, ke vi komprenu min ĉi tiun fojon. Kiu el ni du, laŭ via opinio, pli amas la alian ol la alia la alian, aŭ ĉu vi dirus, ke ĉiu tiom amas la alian, kiom la alia amas. Nun, vi komprenas.

Ŝi: Preskaŭ: diru ĝin denove.

Li: Ĉu vi dirus, ke laŭ via opinio, neniu el ni pli amas la alian, ol ambaŭ amas ĉiun, aŭ, ke unu amas la alian pli ol la alia la unuan, kaj se jes, kiu?

Ŝi: Nu, vi malklarigis ĝin eĉ pli malbone. Venu en la ĝardenon kaj parolu bonsence.

Li: Nu! tio neniel surprizas min. Ĝis nun mi neniam konis virinon, kiu povas argumenti, aŭ eĉ scias la unuan paŝon de argumentado. Kaj mi supozas, kaj mi neniam konos tiulinon.

Ŝi: Se vi volas argumenti, argumentu pri unu funto sterlinga, dekkvin ŝilingoj kaj du pencoj. Jen la konto de la buĉisto kaj oni jam ensendis ĝin trifoje.

Li: Ne evitu ĝin, Elizo. Ne penu forkuri de ĝi. Mi demandis al vi, kiu el ni du pli amas la alian kaj vi ne povis kompreni.

Ŝi: Nu, certe mi komprenas tion. Kial vi ne diris tiel antaŭe?

Li: Laŭ mia memoro tiuj estas ĝuste miaj vortoj.

Ŝi: Tamen, ili ne estas. Tio, kion vi demandis, estis: „Se neniu el ni pli amas ĉiun ol ambaŭ amas, aŭ unu la alian, kiu el la du tiu estas“ — aŭ io simila

Li: Nu, kiel mi povus paroli tian absolutan absurdaĵon?

Ŝi: Ho, kiam viro koleriĝas, li neniam scias pri kio li parolas.

Li: Tamen, mi scias. Laŭ mia opinio, en afero koncerna du personojn, povus facile okazi, ke, kvankam je certa tempo la amo de unu al la alia povus esti pli forta ol la amo de la dua al tiu, kiun mi unue menciis, tamen je alia tempo la amo kiun la alia povus havi por la unua povus esti ĝuste tiom pli forta ol la amo kiun la unua havis por la dua, kiom estis unue la diferenco inter la amo de la du. Almenaŭ tio estas kiel mi rigardas la aferon. Kompreneble, vi neniam komprenos ĝin.

Ŝi (sarkasme): Kompreneble! (Kurteno.)

---

## Prahistoria idilio.

*Jozefo Major.*

Belega aŭtuna sunlumo orumis la teron antaŭ centmil jaroj. Granda kaj larĝa rivero majeste fluadis inter kelkaj muroj sur ebeno. La ĉirkaŭaĵo estas sendube bonega ĉasteritorio. Laŭbaj arbaroj alterniĝas kun riĉherbaj partoj en la larĝa valo. En kotaj marĉoj danĝeraj kanaroj kaŝiĝas. La terena akvo tranĉis multajn grotojn en la kalkaj montetoj; grandaj ŝtonoj baras ilian eniron.

La ŝlima tero estas kovrita de bestaj postsignoj. Kelkaj el ili kondukas al la grotoj de grandaj kaj sovaĝaj bestoj. Ĉasisto esploras tiujn ĉi postsignojn kun profunda atentemo. Singarde li kaŝiĝis sub rokoj kaj arbetaĵoj, li rampe glitas sur la ventro ĉiam pli kaj pli supren en la valo. Grandtalia kaj muskola estas la viro; bela korpo kun konveksa brusto, larĝaj koksoj, fortaj brakoj. Lia vizaĝo estas mallonga kaj larĝa, la frunto mallarĝa, elstarantaj ostoj ĉe la brovoj, hirta hararo kovras lian potencan kranion.

Jen, la homo de Cromagnon, ĉe la rivero Vezer, sur la ebeno Dordogne. En la frua aŭtuno li ankoraŭ ne portas vestaĵojn, sed lia tuta korpo estas kolore ŝmirita per bruna okro. Tio faras lin tute simila al la ĉirkaŭantaj rokoj kaj al la bruniĝanta faŭno. Se li restas senmova, jam de kelkaj paŝoj li ne estas videbla. Li bone konas la danĝerojn de la tereno kaj li atentas pri la malplej granda detalo streĉante siajn sentojn. Subite la laŭbo estas laŭta de kriego . . . La ĉasisto ekĵetas sin teren spionante supren, de kie venas la incita bruo. Feliĉe estas nenia danĝero.

Stria kapo de kaverna hieno montriĝas nun ĉe iu proksima truo, ĝi tenas iun malgrandan beston en la buŝego, intencante dismordi ĝin. La okuloj de la ĉasisto timige ekbrilas. Senbrue li glitas sur la ŝtonumita vojo al la hieno. Por pli bone alproksimiĝi li eniras la riveron. Kiam li estas tute proksime al ĝi, li ekbalancas sovaĝe sian lancon kaj ĵetas ĝin al la hieno. La malica besto falas kun traborita kranio.

# La fatala Pantun'o.

Ni donas ĉi tie lokon al la tradukaĵo el javana lingvo, farita de nia orienta pioniro, S-ro *Liem Tjong Hie* en Semarang, Java insulo.

---

Tiun vesperon estis denove sufokige en la haveno. La boatoj estis ĉiuj enirintaj, la bruado de la tago estis pasinta. Kvankam la sunradioj ne plu falis sur la hele reflektantaj zinkaj kaj vitraj tegmentoj, tamen la varmeco pendis en la ĉirkaŭaĵo.

Nur tre malrapide la tenejoj malvarmiĝis.

En trankvila parto de unu tenejo societo da maristoj sidis.

Enlandaj individuoj de ĉiu speco: Estis makasarano inter ili, ambonano, batavia junulo kaj kelkaj amikoj el madura insulo.

Tie la societo preskaŭ ĉiam estas miksita. De ĉiu speco, kunigita de la granda maro.

Kion ili faris?

Ĉu vi povas imagi, ke ili pasigus sian liberan tempon alie ol per kartoj aŭ alia hazardludo?

Ili sidis ne por sin kapabligi por la ekzameno de maristo, nek por aliaj altaj oficoj. Ili hazardludis, tre ordinare kaj sen arogo. Kun nur unu celo: por cirkuligi sian havaĵon.

Salamo ne kunludis. Li estis maldiktalia enlandano, kies nacieco ne facile povus esti difinata. Li staris aparte de la grupo kaj malbonhumoris.

La viro estis forta, kaj ofte havis disputojn kun siaj kamaradoj de la ŝipo.

Li ĉiam havis la kutimon provi sian forton kaj per tiaj penadoj li iufoje havigis al siaj kolegoj elartikigon de la makzeloj.

La interrilato kun Salamo estis pro tio neniam tre gaja, ĉar ĉe malsama opinio oni povis havi la ŝancon esti helpata tre forte en la ĝusta vojo.

Pro tio Salamo estis preskaŭ ĉiam sola kaj tial li ankaŭ nun staris ĉe la pordo de la tenejo, malkontenta.

Oni kompreneble incitis lin. Tion oni ĉiam faris. La kolegoj ne povis lin toleri kaj tial Salamo estis suspektema pri iu neatendita atako.

La grupeto, kiu estis hazardludanta per malgrandaj kartetoj, ne okupis sin pri Salamo.

Estis kantoj, ridoj — oni havis plezuron.

Estis kantataj konvenaj „pantun'oj" (kantoj), en kiuj la virinoj estis glorataj kaj estis farataj komparoj, kiuj entenis sufiĉe riskajn aludojn pri la amo.

Tiel postulis la marista kutimo.

Tio tedis Salamon jam delonge.

Li staris sola ĉe la pordego, kaj ili havis la plezuron. Cetere li trovis malbelega, ke ekzistas momentoj, kiam oni ne bezonas lin.

Kaj precipe tiu kantado tre ofendis lin. Kiel oni kuraĝis kanti sen demandi al li?

Krom tio la ŝercaĵoj estis malspritaj.

Ekzemple vi havis tie tiun ambonanon. Kion li nun denove paroletis? Salamo aŭskultis. Sonis kiel ekscito. La ambonano mallaŭte kantis:

> Madjulah balatentara,
> Brani lavan kami ini,
> Mentjari musuh gagah perkosa,
> Dengen laskar ofisir bisa usiri.

Jes, tio estis provoko. Ili klare diris, ke ili ne estis timaj kaj ke tiu „armeo" per kiu ili celis Salamon, devis sin montri. Salamo ekscitiĝis pli kaj pli.

Nun ili denove kantis ion alian. Tio sendube iris al lia celo. Kantis unu mokante:

> Anak item, anak binatan,
> Enkau dateng, tidak perlu,
> Mukamu item seperti orang-utan,
> Sebenarnja enkau tidak tau malu.

Ili do ofendis lin kiel nigrulon, beston, kiun ili ne bezonis kaj kiu havis nigran vizaĝon kiel simio, kiu ne konas honton.

Tio jam estis troa.

Salamo fermpremis la pugnojn, faris salton kaj ekkriis: Hajo, antaŭen! Unuiĝu vi javanoj, ambonanoj kaj menadanoj! Se vi ne faras, mi forigos vin ĉiujn!

Kaj li falis sur la grupon de la kartludantoj, ne plu pensante.

Li eligis tranĉilon.

Kun freneza kolerego li pikis, li pikis per la armilo, kie li nur povis trafi.

Li nenion plu vidis, — vualo antaŭ la okuloj.

Oni embarasis lin: li do pikis al la tuta grupo.

Oni insultegis lin . . . kvar kadavroj baldaŭ kuŝis en la tenejo kaj la resto forrampis.

Unu minuto poste la gardisto de la kvartalo, teruriĝita de la alarmo, venis. Li trovis tie la viron kun la tranĉilo. Salamo staris, la ŝanĝita vizaĝo kaj la okuloj fikse rigardantaj, meze en la tenejo.

— Kiu ci estas? — li kriis al la gardisto.

— Polico, — la viro diris kviete.

Salamo faligis la tranĉilon kaj etendis siajn manojn.

Sen rezisto li lasis sin konduki.

Tio okazis antaŭ nelonge en oktobro, en pasinta jaro.

Mallonge li staris antaŭ la landjuĝisto.

La historio denove estis priparolata. Salamo diris, ke li defendis sin mem. Li estis atakita . . . de la pantun'o.

Sed la juĝisto ne povis akcepti tiun tre orientan argumenton. Li tial postulis dek-kvin jarojn.

Kaj tion la sovaĝulo ricevos. Sed estas tre certe, ke Salamo ne multe komprenas tion. — —

Tial la landjuĝisto kelkafoje antaŭ la verda tablo renkontas strangajn figurojn kaj li koniĝas kun la malaperanta enlanda kompreno.

# De Londono al Skotlando.

*Kion la Kongresanoj de la Kontinento povos vidi.*

Tiuj alilandaj Esperantistoj, kiuj havos la bonŝancon viziti Britujon por la Esperanto-Kongreso en Aŭgusto havos malfacilon elekti ĉion, kion ili volos viziti.

Londono mem prezentos senfinan liston de allogaĵoj. Ĝi estas la centro de la reĝa kortego, de parlamento, de juro, de komerco, de literaturo, de arto, de la ĵurnalistaro. Miliono da homoj el ĉiuj mondpartoj vizitas ĝin en la daŭro de unu jaro. Ili elverŝas sian monon en ĝiajn malsatajn kofrojn, ili ĝuas ĝiajn plezurojn kaj luksecon, ili vizitas ĝiajn teatrojn kaj muzikhalojn, ĝiajn muzeojn kaj artgaleriojn. En la koro de la civito, apud la *Mansion House,* la oficiala loĝejo de la „Lord Mayor" oni povas vidi la plej mirigan panoramon de moviĝado en la orienta duonsfero. Kontinua procesio de homplenaj omnibusoj, aŭtomobiloj, komercveturiloj, ĉiuspecaj komercistoj, brokantistoj, borsistoj, bankistoj, asekuristoj, komizoj, laboristoj puŝas unu la alian, horon post horo, kaj en la mezo staras unu homo, kun blankaj gantoj, kiu direktas la trafikon. Sed venas la vespero. Ni vizitu la scenon je la deka horo. La civito estas dezerta. Jen malofta omnibuso, aŭ policano kun brila lanterno, per kiu li ekzamenas la serurojn de la pordoj de la magazenoj kaj butikoj, kaj kiel fantomo jen malaperas kaj reaperas en kaj el portikoj aŭ stratoj.

Tiu estas la centro de vasta imperio sur kiu la suno neniam subiras.



La Londona Turo

St. Paŭlo! La masiva katedralo! La Turo de Londono! plej antikva konstruaĵo en la metropolo, kie troviĝas la imperiaj krono kaj juveloj. Ŝtata malliberejo, en kiu en malpli feliĉaj tagoj, homoj, kiuj malplaĉis al la reĝo aŭ la ŝtato, velkis en mallumaj karceroj dum jaroj, kaj eĉ reĝino perdis la kapon ĉe la bloko de ekzekutisto.

Tamizo! Potenca rivero! Tiu, kiu serpentumas de la klasika *Isis* inter la turoj de *Oxford,* fluas preter la reĝa kastelo ĉe *Windsor,* la palaco de *Hampton Court, Kew* (Kju), kies botanikaj ĝardenoj estas famaj tra la mondo, sub historiaj pontoj ĝis la plej vastaj dokoj en la mondo en kiuj vidiĝas funeloj kaj mastoj de ŝipoj kiuj flirtigas la flagojn de ĉiuj landoj.

*Westminster!* La parlamentejo! „House of Commons" kaj „House of Lords". La patrino de parlamentoj!

La Abatejo! Pilgrimejo por ĉiuj kiuj honoras la nomojn de la grandaj reĝoj, poetoj, literaturistoj, politikistoj, esploristoj, kies polvo kuŝas interne de ĝiaj sanktaj muroj. Ĉi tie estas



Brita Parlamentejo

la lasta ripozejo de reĝoj de Anglujo de antaŭ la Normanda Venko (1066). Ĉi tie Mario, Reĝino de Skotlando, kuŝas en paco apud sia ĵaluza kuzino, Reĝino Elizabeto, laŭ kies ordono ŝi suferis ĉe la hakilo de la ekzekutisto. Ĉi tie estas la Ŝtono de Destino sur kiu la reĝoj de Britujo estas kronumitaj, ŝtono, kiu laŭ tradicio, estas la kapkuseno sur kiu Jakobo sonĝis ĉe Bet-El.

La Nacia Galerio en *Trafalgar Square!* Kie en la mondo oni povas trovi tiom da majstroverkoj de famaj pentristoj? En tiu galerio la jarcentoj amasigis siajn plej riĉajn trezorojn de arto.

La *Strand* kaj *Fleet Street!* La orelo de la mondo! La buŝo ĉe kies ilustreto reĝoj tremas, kaj ministroj falas. Dum la mondo dormas, ĉi tiu strato vekiĝas, kaj ĝiaj verkistoj eldonas materion por la pensoj de milionoj da homoj tra la mondo vekiĝontaj en la mateno.

Granda, grandioza, riĉa, homplena, gaja, kruela Londono.



Naskejo de Shakespeare

Rapidaj vagonaroj kondukas el Londono al ĉiuj partoj de la Brita Insularo. Al *Bristol* en $2^1/_2$ horoj, al *Birmingham* en $2^1/_4$ horoj, al *Leeds* kaj *Sheffield* en $3^1/_2$ horoj, al *Stratford-on-Avon,* — kie la glora Shakespeare ripozas — en 3 horoj, al *Chester* en $4^1/_4$ horoj, al *Manchester* aŭ *Liverpool* en 4 horoj, al *Dublin* en $9^1/_2$ horoj, kaj al *Edinburgo* aŭ *Glasgow* en $8^1/_2$ horoj.

Por iri norden oni havas elekton de tri fervojoj — pere de la L. N. E. R., (Londona kaj Nord Orienta Fervojo) oni iras de la Londona finstacio *King's Cross;* pere de la L. M. S., (Londona Mezlanda kaj Skota) de Euston aŭ de St. Pancras.

La L. N. E. R. iras laŭ la orienta flanko de Anglujo kaj dum la vojaĝo oni povas vidi kvar imponajn katedralojn:

*Peterborough, York, Durham* kaj *Newcastle.* Ĉe *Darlington* oni tuŝas la pioniran fervojon de la mondo. La unua lokomotivo iris inter *Darlington* kaj *Stockton.* Sur la platformo de la stacidomo de *Darlington* oni povas ankoraŭ vidi unu el la primitivaj lokomotivoj, kiu iris sur la unuaj reloj. Antaŭ ol transiri la bordon inter Anglujo kaj Skotlando oni devas veturi sur la ponto trans la *Tweed* ĉe *Berwick-on-Tweed,* pitoreska urbo ĉirkaŭita de muro, sceno de multaj baraktoj en la militoj inter Anglujo kaj Skotlando. Apude estas la batalkampo de *Flodden* pri kiu Scott aludas en sia poemo „Marmion". Enirante la graflandon *Berwick* ni trairas la landon de „Lucia da Lammermoor", la reloj suriras mirindajn krutegaĵojn, kies malsupron la marondoj lekadas. Jen la *Bass Rock,* sceno de historiaj okazaĵoj, kaj de la romano „Catriona" kiun verkis Robert Louis Stevenson. Baldaŭ ni atingas Edinburgon en *Waverley* Stacidomo.

La fervojo de *St. Pancras* (antaŭe la Mezlanda Fervojo) iras laŭ la katedraloj de *St. Albans* kaj *Wakefield.* Oni trairas la regionon de la fabrikejaro de Anglujo, — *Sheffield,* le mondkonatan centron por ŝtalaĵoj, *Leeds,* kun fabrikejoj de lana ŝtofo kaj vestaro, *Keighley,* la hejmon de la pioniroj de Esperanto en Anglujo. Trapasinte *Carlisle* (Karlajl) oni atingas la montan regionon de *Liddesdale* ĉe la Ĉeviot montaro, faman pro ĝia ŝaflano, kiun la fabrikejoj de *Hawick* kaj *Galashiels,* kiujn oni rimarkas, transformas en la faman „Tweed" (tuid) ŝtofon, tiom ŝatatan de sinjoroj kaj sinjorinoj por elegantaj vestaroj. Ĉi tie estas la lando amata de Sir Walter Scott, *Melrose* Abatejo kaj *Abbotsford* lia hejmo. La fervojo eniras Edinburgon en la sama stacidomo *Waverley* kiel la L. N. E. R.

Per la L. M. S. fervojo de *Euston,* (antaŭe la Londona kaj Nordokcidenta fervojo) oni trapasas *Rugby,* kie troviĝas la fama lernejo de D-ro Arnold priskribita en la romano „Tom Brown's Schooldays", *Crewe,* granda centro por la konstruado de lokomotivoj, kaj krucvojejo por Kimrujo kaj Irlando; oni transiras la *Manchester*-Ŝipkanalon meze inter *Liverpool* kaj *Manchester. Warrington, Wigan, Preston* kaj *Lancaster* prezentas centojn da longaj fumtuboj, kiuj elvomas nigran fumon al la ĉielo. Ĉi tie estas la regiono de la katunfabrikado. Poste oni sin trovas inter montoj apud la belaj Anglaj lagoj. Ĉi tie estas la regiono de la fama verkisto Ruskin kaj la poeto Wordsworth. Post *Carlisle,* jam aludita, oni iras apud la vilaĝo *Ecclefechan* (eklfeĥan), kie naskiĝis Thomas Carlyle, la historiisto kaj verkisto. Ni estas en la graflando *Dumfries,* kies gloro estas esti hejmlando de la Skota nacia poeto Robert Burns, kies tombo troviĝas en la urbo *Dumfries.* Ni trairas la *Lowther* montojn, kaj baldaŭ trapasas tipan Skotan pejzaĝon. Edinburgon oni eniras ĉe stacidomo *Caledonian* (Kaledonjan).

La unua ekvido de Edinburgo neniel malplaĉas. Ĝuste ekster la stacidomo salutas la okulon la antikva kastelo leviĝanta alte sur rokego. Oni tuj marŝas laŭ la fama promenejo *Princes Street.* Unuflanke sekvas unu post alia imponaj magazenoj, klubejoj, kaj oficejoj; aliflanke vidiĝas arboj, ĝardenoj, kaj la altaĵo sur kiu kuŝas la kastelo. Tiuflanke ankaŭ troviĝas la klasikstilaj naciaj galerioj de pentraĵoj bele elektitaj el la verkoj de la plej eminentaj antikvaj kaj modernaj artistoj. Longa teraso de altaj domoj etendiĝas de la kastelo ĝis *Holyrood,* antikva palaco de Skotoj reĝoj. La pintaj turoj kaj tegmentoj prezentas mirindan silueton. Inter ili estas la du turoj de la Nova Kolegio, la kongresejo, sur kiuj en Aŭgusto la verda standardo flirtos. Apude estas la gotika monumento al Sir Walter Scott. Je la fino de *Princes Street* oni rigardas la *Calton Hill,* kun observatorio kaj teleskopsimila turo, la monumento al Admiralo Nelson. Oriente leviĝas *Arthur Seat,* granda monto kiu kvazaŭ gardostaras apud la urbo. Ĝi similas al kuŝanta leono. De sur *Salisbury Crags,* kiu etendiĝas inter ĝi kaj la urbo, oni povas vidi unikan panoramon. Ĝi estis ŝatata promenejo de Sir Walter Scott. Tiu unuavido de Edinburgo estas neforgesebla sperto.



Kastelo de Edinburgh

Vojaĝante inter Edinburgo kaj Glasgow oni vidas la ruinitan palacon de *Linlithgow,* en kiu Mario Stuart, reĝino de Skotlando, naskiĝis en 1542.

*Glasgow!* Oni eniras la urbon tra arbaro da fumtuboj: ĝi estas centro de ŝipkonstruado, de ferproduktado, de fabrikado de ĉiuspecaj objektoj el ferô kaj ŝtalo, lokomotivoj, maŝinoj, pontoj, tuboj. Tiu majesta rivero *Clyde* (Klajd) kiun ni transiras ne ĉiam povis porti la grandiozajn vaporŝipojn, kiujn oni nun rimarkas ĉe la apudriveraj kajoj. Antaŭ cent jaroj la komercistoj de Glasgovo decidiĝis elspezi grandan monsumon por pliprofundigi la fundon de la rivero por permesi, ke grandaj ŝipoj naĝu al siaj deponejoj. Tio estas unu el la epopeoj de komerco. Tiuj sagacaj homoj ne atendis, ke el ilia revo Glasgovo kreskus de malgranda urbo ĝis la dua civito en la Brita Imperio kun pli ol miliono da enloĝantoj, kaj kun grandaj ŝipkonstruejoj ne superataj en la mondo.

La *Clyde!* El la bruo kaj fumo de Glasgovo, oni eliras al unu el la plej ravegaj vidaĵoj de la mondo. La enfluejo de *Clyde* estas fama kiel la sceno de la unua provo de vapornavigado. Ĉi tie en *Greenock* naskiĝis James Watt, eltrovinto de la vapormaŝino. Ĉirkaŭ la enfluego leviĝas altaj montaroj, en la distanco la supro de la montego *Ben Lomond* kronas la panoramon. Urbetoj kaj vilaĝoj sur la bordoj de la fjordoj („loĥoj") plaĉas al la okulo, jaĥtoj velas de bordo al bordo, grandaj ŝipoj preterpasas nin aŭ komencante vojaĝon aŭ portante multekostajn komercaĵojn de la finoj de la tero al Glasgovo. Ni tuŝas la insulon *Bute* (Bjut) ĉe la alloga urbo *Rothesay,* kie miloj da homoj pasigas agrablajn tagojn, dum la somera libertempo. De tie oni vojaĝas tra la *Kyles of Bute* (Kajlz ov Bjut), markolo kiu prezentas ambaŭflanke ĝojigajn perspektivojn de monto, kaj riveretoj, arbaroj kaj vilaĝoj. Ĉi tie pilgrimos la Esperantistoj por vidi la plej ĉarman naturscenon pri kiu Skotlando povas fanfaroni. En la malproksimeco elirante el la *Kyles* vidiĝas la insuloj de *Cumbrae,* de *Arran,* kaj de *Ailsa Craig.*

*Ayr!* Tiu urbo estas centro por vizito al la lando de Robert Burns. Apud ĝi troviĝas la dometo en kiu li naskiĝis, *Alloway Kirk,* kaj la „Bonnie Doon".

*Ben Nevis!* Plej alta monto en Britujo troviĝas apud la urbo *Fort William.*

*Oban!* Centro, bele lokita, por atingi la insulojn de la *Hebrides.* La Kavo de *Fingal!* kiu inspiris al Mendelssohn lian

laman uverturon. *Iona!* La lulilo de Kristanismo en Skotlando, kie ankoraŭ troviĝas la ruinoj de la preĝejo de St. Columba, apud kiu troviĝas la tomboj de antikvaj reĝoj.

Per la *Caledonian Canal,* oni iru al *Inverness,* ĉefurbo de la Montlanda regiono; de tie al *Aberdeen,* bela universitata urbo, konstruita el griza granito. Ĝi estas la centro de la granitminejoj, kaj ĝi eksportas graniton al la tuta mondo. Oni memoros, ke ĉi tie estis ĉizita la ŝtono, kiu markas la tombon de D-ro Zamenhof en Varsovio.

*Dundee!* grava industria urbo, ĉe la rivero Tay. Ĝi estas centro de fabrikado de juto.

*St. Andrews!* La sanktejo de Skotlando. Ĝia universitato stariĝis en 1411. Ĝia katedralo estas pitoreska ruino; sed en sia tempo ĝi estis la religia centro de la lando. La golfludkampoj de *St. Andrews* estas la plej famaj en la mondo; de la Reĝa kaj Antikva Klubo de *St. Andrews,* la mondo de golfo prenas siajn regulojn. Ni reiras al Edinburgo tra la *Forth Bridge* unu el la mirindaĵoj de la mondo.

En ĉi tiu artikolo ni aludis nur kelkajn erojn el la granda elekto, kiun Britujo disponas al la vizitanto al Britujo, sed ĝi sufiĉas por certigi, ke tiu, kiu povos iri, neniam bedaŭros la ĝenon aŭ la elspezon de la vojaĝo.

*W. M. P.*

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al fertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

## Pedagogiaj verkoj. — Kantaro. — Lernolibroj. — Diversaĵoj.

*

Ne literaturaj, sed tre interesaj por edukistoj estas du novaj verkoj.

S-ro Albin Neužil, lernejestro en Ĉeĥoslovakio, publikigas *Metodon de manpresitaj ornamaĵoj* konsistantan el klariga teksto kaj ok koloraj bildaroj. La ĉefa avantaĝo de tiu lerneja laboro estas, ke ĝi necesigas nur simplan ilaron kaj malkaran materialon, per kiu la lernanto mem pretigas tre diversajn lignajn presiletojn. Per ili kaj provizo da farboj nun estas facile presataj belaspektaj regulaj aranĝoj, de simplaj vicoj aŭ floroj ĝis vere artaj tre plaĉaj ornamaĵoj. Dua parto, baldaŭ aperonta, montros la uzon de tiu metodo por ornamado de praktikaj objektoj. Tia laboro plene respondas la postulojn de l' nun akceptita eduka principo: managado kondukanta al penskoncepto. La klarigoj kaj modeloj detale montras la sistemon; multaj ĉiulandaj geinstruistoj provu ĝin; ili certe en ĝi trovos por si kaj por siaj instruatoj profiton edukan kaj tiun kontentecon, kiun donas videbla memfarita belaspekta laboraĵo.

Ankaŭ etuloj inspiris S-inon Seriŝeva en la verkado de *Internacia Infanaro.* Tiu lernolibro por la unua lernojaro celas instrui Esperanton senpere, sen ia traduko aŭ gramatika regulo, nur per paŝa irado de unua akiraĵo al dua. Ke tia instruado estis provita sukcese en Siberio, kie la aŭtorino verkis ĝin, kaj en Italujo, kie oni eldonis ĝin, tio jam pruvas ĝian bonecon. Multaj bildoj, kelkaj koloritaj, vere parolantaj, dika klara preso, tre bona ordo de l' sinsekvaj lernotaĵoj, amuzaj historietoj, poezietoj, dialogoj, kantetoj, ĉio estas lerte taŭgcele elektita. Certe ankaŭ por kursoj al neklerulo per rekta metodo tiu libro estus tute profite uzebla.

*

Antaŭ kelkaj jaroj Brita Esperanta Asocio eldonis riĉan himnaron kun 212 tekstoj. Nun ĝin sekvas *Kantaro Esperanta,* ne malpli abunda, ĉar ĝi nombras 358 poeziaĵojn. En la antaŭparolo la kompilinto S-ro Butler, kiu ankaŭ tradukis multajn kantojn, diras, ke li celis simplan stilon kaj tradukon rime kaj ritme imitantan la originalon. Apud la titolo de ĉiu kanto estas informoj pri aŭtoro, eldoninto kaj prezo de l' muziko. La enhavo dividiĝas je jenaj partoj: esperantistaj, anglaj, irlandaj, kimraj, skotaj, modernaj, religiaj, plurvoĉaj, humoraj, operaj kaj diversaj kantoj. La traduko, ofte ne facila pro diversaj preskaŭ neakordigeblaj postuloj de senco kaj ritmo, la respekto al la lingvaj reguloj, kiel ankaŭ la aranĝo kaj ĉiuj detaloj atestas pri laboro konscience, lerte kaj ame plenumita.

*

Ĉiam pli multnombraj fariĝas la lernolibroj.

Por angloj aperis *Esperanto in 30 lessons.* Ĉiu leciono konsistas el tutpaĝa bildo kun vortoj, teksto, interparolo, gramatikaj klarigoj kaj ekzercoj. Ŝlosilo de tiuj lastaj estas aparte presata. Duobla vortaro finigas la belan libron Por pli bona instruo de l' prononco, la „Linguaphone Institute" plie vendas serion da diskoj por gramofono, kiuj reproduktas la 30 tekstojn parolitajn de D-ro Privat. Se tiel, per vido de l' bildoj, aŭdo de l' prononco, studo de l' klarigoj, ekzerco de l' tradukoj, lernanto ne rapide fariĝas spertulo, li almenaŭ ne povos riproĉi lernmetodon, kiu ĉiujn eblajn rimedojn provizas.

Por germanoj estas la *Esperanto-Führer,* kiu en ses lecionoj donas la instruon necesan por eklegi la esperantan literaturon. Krom la lecionoj kies legotekstoj rilatas al praktika kaj esperanta vivo, aldonoj liveras vortaron, gramatikaĵojn, kaj du terminarojn, unuan por radio, duan por komerco. Laŭ tute alia sistemo instruas la *Esperanto* de D-ro Kliemke; ĉi tie ĉiuj klarigoj, reguloj, komparoj rilatas al tradukita novelo de Zahn, „La Patrino", kies teksto estas do la bazo de l' tuta lernado. Tial, en la unuaj ĉapitroj, post kelkaj linioj da teksto necesigas nur kelkajn vorttradukojn. La aŭtoro do volas, ke la lernanto tuj kontaktiĝu kun la lingvo, ke li ekzercu ĝustan rezonadon, ke li faru komparojn kun sia gepatra lingvo kaj havu la ĝuon eltrovi la principojn de nia mirinde logika lingvo. Precipe por studemaj memlernantoj aŭ personoj, kiuj preferas malkovri ol ricevi novan scion tiu metodo ŝajnas taŭga. Fine la *Erstes Esperanto-Lesebuch* de D-ro Pfeffer estas por komencantoj bona kolekto da tekstoj: rakontetoj, ŝercaĵoj, fabeloj, priesperantaĵoj, poezioj, kun interlinia povorta germana traduko. Ankaŭ tiu nova aranĝo estos ŝatata de multaj memlernantoj.

Por finnoj S-ro Setälä kompilis iom similan lernolibron: *Esperanto-Kurso,* en kiu aro da 22 historietoj kaj fabeloj, kun traduko de ĉiu nova vorto piede de l' paĝo, devas kutimigi komencanton al komprenado de simpla esperanta teksto. Ŝajnas tamen, ke kelkaj klarigoj pri la gramatiko de lingvo, tute ne simila al la finna, estus ankaŭ bezonataj

Por rusoj la libreto de Iv. Lidin, *Fundamento de l' lingvo Esperanto,* kontraŭe liveras ĉefe prilingvajn klarigojn kaj ekzemplojn, kies studado permesos poste per ĵurnal- aŭ librolegado pliplenan scion.

*

Aperis du vortaretoj pri radio. Unu, *Radio-Ordbog* de S-ro Aersoe, tre nete presita estas dan-esperanta kaj esperant-dana; alia, *Radio-Esperanto* de S-ro Demidjuk estas rus-esperanta kun diversaj klarigoj; nova pruvo pri la intereso por nia lingvo de l' radio-amatoraro. Ankaŭ vortareto estas ĉefa parto de la flugfolio: *Esperanto-Sprache auf einem Blatte,* ree eldonata kiel bona propagandilo. *The Object Lesson* estas triakta komedieto ludebla en angloparolantaj landoj por amuze konigi la profitojn de Esperanto. La *Legolibreto* de J. Borel, unua numero de Esperanta Biblioteko Internacia, aperas kiel kvara eldono (22—33 miloj). La societo Verda Stelo en *Antverpeno* eldonas, sub tiu titolo, 1-an serion da 10 poŝtkartoj pri tiu urbo kun tekstoj en Esperanto.

*G. S.*

## Novaj libroj.

**Kantaro Esperanta**, kompilita de *Montagu C. Butler*, I. R. A. M. 1926. British Esperanto-Association, 17 Hart Street, London W. C. 1. 12 + 112 paĝoj, 12½ × 18 cm. Prezo: 1 sh. 6 p.

**Esperanto in 30 lessons.** Rostow's Pictorial Language Series. Edited in collaboration with The British Esperanto-Association. The Linguaphone Institute, 24-27 High Holborn, London W. C. 1. 144 + 22 paĝoj, 12½ × 18½ cm. Prezo: 2 sh. 6 p.

**Student's Key** to the Grammar Exercises of the Esperanto in 30 lessons. (Sama eldonejo.) 16 paĝoj, 18 × 18 cm. Prezo: 6 p.

**Metodo de la manpresitaj ornamaĵoj.** I-a parto. *Albin Neužil*, lernejestro, Olomouc-Neředin, Ĉeĥoslovakio. 1926. Albumo kun 4-paĝa teksto kaj 8 koloritaj bildoj, 21 × 26 cm. Prezo: 2,50 sv. fr.

**The Object lesson.** Comedy in three acts, by *William Morrisson*, F. B. E. A. 1926. British Esperanto-Association, 17 Hart Street, London W. C. 1. 20 paĝoj, 11 × 14 cm. Prezo ne montrita.

**Esperanto-Kurso.** *Vilho Setälä.* Eldona A. S. Otava, Helsinki. 1925. 48 paĝoj, 11 × 14½ cm. Prezo: 3 Fmk.

**Fundamento de l' lingvo Esperanto.** *Iv. Lidin*: Lernolibro por instrui la mekanismon de la lingvo internacia Esperanto. Eldonejo „La Nova Epoko", Moskvo. 1925. 64 paĝoj, 9½ × 15 cm. Prezo: 10 kop.

**Radio-Esperanto.** *G. Demidjuk.* Abocaj informoj pri Esperanto. Esperant-rusa kaj rus-esperanta radio-vortaretoj. Eldonejo „La Nova Epoko", Moskvo. 1926. 30 paĝoj, 9 × 15 cm. Prezo: 10 kop.

**Internacia Infanaro.** Verkis *V. Seriŝeva* el Barnaul (Siberio). 1926. Eldonejo T. Silva, Via S. Maria alla Porta 2, Milano 80 paĝoj, 17 × 24½ cm. Prezo bindita: 0,50 dolaro.

**Esperanto-Führer.** Einführungs-Lehrgang der Weltverkehrssprache Esperanto in 6 Lektionen. Führer-Bücherei Nr. 1. Esperanto-Verlag Meyer & Co., Königsberg i. Pr. 62 paĝoj, 13½ × 22 cm. Prezo: 0,90 germ. M.

**Esperanto.** Vollständiger Lehrgang mit Wörterbuch von Dr. *Ernst Kliemke*. Rudolf Mosse, Buchverlag, Berlin SW 68. 120 paĝoj, 14 × 21 cm. Prezo ne montrita.

**Erstes Esperanto-Lesebuch** für Anfänger und Kurse von Dr. *Emil Pfeffer*. 1926. Tagblatt-Bibliothek Nr. 283, Wien I, Fleischmarkt 5. 48 paĝoj, 12 × 19 cm. Prezo: 0,25 germ. M.

**Legolibreto.** *J. Borel.* Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 1. 4-a eldono. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 48 paĝoj, 10 × 14 cm. Prezo: 0,40 germ. M.

**Radio-Ordbog.** Dansk-Esperanto og Esperanto-Dansk. Udarbeidet af *Holger Aersoe*, stud. mag. 1926. Date's Bogtrykkeri, København. 14 paĝoj, 11½ × 17½ cm. Prezo: 50 öre.

**Die Esperanto-Sprache** auf einem Blatte, zusammengestellt von *J. Borel.* Flugblatt Nr. 1. Deutsche Esperanto-Zentrale, Berlin SW. 61, Wilmsstr. 5. 1 folio, 24 × 34 cm. Prezoj: 10 ekz. 0,15 germ. M., 100 ekz. 1,20 germ. M.

**Kun tiu ĉi numero estas sendata „Gvidfolio de Locarno".**

# Kroniko de la Paco.

### Ĉeĥoslovakio.

La Ĉeĥa Pacunuiĝo, la Pacunuiĝo en Moravio, la Virina Progresema Organizo, la Virina Ligo por Paco kaj Libereco, la Germana Asocio por Morala Eduko kaj la Germana Socialdemokrata Junularo protestas kontraŭ la proponata enkonduko de milita antaŭeduko en lernejoj.

*

### Germanlando.

Franc-Germanaj rilatoj. Elisabeth Rotten, la estrino de la Germana centro de Internacia Laborkomitato por la Reformo de Edukado ricevis inviton de Franca instruista unuiĝo — nacieca organizaĵo de instruistoj — por paroladi en Parizo pri la temo: „Kion en sia lando entreprenas la Germana instruistaro por la edukado al internacia repaciĝo, kaj kion ĝi aspiras de la instruistaro Franca?" — — La Franca instruista societo havas 78000 membrojn kaj pacifistan laborprogramon.

Internacia Kongreso de militpartoprenintoj kaj de rifuzintoj de militservado okazis en Hamburg fine de aprilo. Detalojn ĉe la Pacligo de Militpartoprenintoj — Friedensbund der Kriegsteilnehmer — Hamburg, Lortzingstr. 20.

*

### Norvegujo.

Oni interkonsentis kontrakton koncernantan ĉian eblecon de konfliktoj inter Norvegujo kaj Svedujo. La interkonsiliĝoj pri simila kontrakto kun Danmarko bone progresas.

La registaro proponis rimarkindan malpliigon de la budĝeto por militistaro kaj militŝiparo, konsiderante la mallacilan ekonomian krizon.

*

### Svedujo.

La konata Sveda verkisto kaj scienculo, D-ro Alf Ahlberg severe kritikis en kelkaj gazetartikoloj la Konferencon de Stockholm rilate ĝian sintenadon al la problemo de militoj. Li diris: „La sinteno de la eklezio ne devas esti tiu de dusenca pacifismo. Ĝi devas kontraŭbatali kaj kondamni ĉian formon de milito kaj energie postuli plenan malarmon. La eklezio devas deklari: Ni ne povas malpermesi al vi uzi la glavon kaj armi vin de kapo ĝis piedoj, sed kiom longe vi tiel agos, ni ne povas konsideri vin Kristanoj".

*

### Svislando.

Fondiĝis Unuiĝo de Kontraŭmilitaj Pastroj, kiu energie intervenas por la forigo de la militistaro kaj por la subteno de la rifuzantoj de militservado el konsciencaj kaŭzoj. En la lasta tempo oni notas 10 okazojn de tia rifuzo.

*

### Katolika Mondo.

Internacia Packongreso estas preparata de kelkaj katolikaj amikoj de la Amikaro por Interpaciĝo — Fellowship of Reconciliation. — Katolikaj pacemuloj el ĉiuj landoj estas sincere invitataj. La problemo de militoj kaj de rifuzo de militservado el konsciencaj kaŭzoj estas diskutotaj. Detalojn ĉe „International Fellowship of Reconciliation" — Amikaro de Interpaciĝo — 16 Red Lion Square London W C. 1 — en Esperanto. —

El la Bulteno de la „Amikaro de Interpaciĝo".

# LINGVAJ STUDOJ

## Enkonduko al la fonetiko*)

*de P. Stojan.*

*

(En tute simplaj vortoj ni penas ĉi tie konigi al nia legantaro la ĉefajn trajtojn de la fonetiko, ĉar tiu scienco estas ĝis nun preskaŭ nekonata por la plimulto).

Ekzemple unu franca fonetisto trovis por sia voĉo jenan gamon, kiu reprezentas la resonadon de la vokaloj:

| u | o | a | e | i |
|---|---|---|---|---|
| 228 | 456 | 912 | 1824 | 3648 |

Sed tiu skemo ne validas por ĉiuj lingvoj. Ekzemple en la japana la vokala gamo estas: *ouaei*, t. e. la japana *u* estas pli alta ol *o*, kaj samtempe malpli sonora ol *o*. Ĝenerale, la tuta sonsistemo japana estas alispeca ol sistemoj de la ĉefaj lingvoj.

Sed oni povas facile kompreni, ke tiuj nombroj de la vibradoj ne estas absolutaj, ili povas esti ĝustaj nur relative. Sono *u* elparolata de infano estas pli alta ol *u* de viro. Alia fonetisto donas jenan gamon de la resonado por la vokalaj ĉeftonoj:




Por observi sian propran tembron de la vokaloj oni rekomendas ilin „susuri" (chucher, chuchoter, to whisper, flüstern, šeptatj, susurrare, psithyrizo), por malfortigi la ĉefan sonoron. La nomo mem de la *vokalo* bone karakterizas ĝian rolon en la parolo, ĝi donas la *voĉon*: „voix-voyelle, glas-glasnaja, phonê-phonêen, voce-vocale" ktp. La kordoj de laringo eligas la ĉefan tonon de la vokalo; tiu tono, pasante tra la buŝo (kaj iufoje tra la nazo), vibrigas la enbuŝan aeron, resonigas ĝin, tiel aperas la resonaj supertonoj, la *tembro*.

La resonado varias kiam aliiĝas amplekso, aŭ formo, aŭ amplekso kaj formo, de la resonilo; tial, la tembro de la vokaloj dependas de amplekso kaj de formo de la buŝa kavo, eventuale ankaŭ de la naza kavo. Kvar organoj aliigas la voĉan resonilon, t. e. partoprenas en produktado de la vokaloj: palata velo, lango, suba makzelo, lipoj (kun vangoj).

La *palata velo* ordinare restas en levita pozicio, fermante la nazan kavon, ne permesante al la aero iri alie ol tra la buŝo; tia estas kazo de la puraj vokaloj *i-e-a-o-u*. Se la palata velo movas malsupren, se ĝi malleviĝas, la aero penetras ankaŭ en la nazan kavon, kiu — kune kun la buŝa kavo — formas duoblan resonilon, havigas al la voĉblovo duoblan eliran vojon. Tiel produktiĝas la *nazaj vokaloj*, konataj en la franca, pola, uson-angla. La velo moviĝas ankaŭ dum produktado de la *vela a*.

La *lango* povas okupi diversajn poziciojn en la buŝo, kiu pro ili ŝanĝas formon kaj amplekson de la kavo, do ŝanĝas akustikajn kvalitojn de la resonado, de la tembro. Inter multaj pozicioj de la lango oni distingas tri ĉefajn poziciojn. Malmola palato estas tuŝata de antaŭa lango-parto, tiel produktiĝas la *antaŭaj* aŭ *palataj* vokaloj (ekzemple *e, i*). Mola palato estas tuŝata de posta lango-parto, tiel produktiĝas la *malantaŭaj* aŭ *velaj* vokaloj (ekzemple *o, u*). Meza parto de la lango tuŝas la palaton ĉe la velo, tiel produktiĝas la *miksaj* vokaloj (ekzemple rusa *y*, angla *i* en vorto *sir*, germana *e* en vorto *Gabel*).

La *suba makzelo* povas esti pli aŭ malpli proksima al la supra, kaj tiel la vokaloj povas esti pli aŭ malpli „fermitaj", ekzemple *i* estas pli fermita ol *e*, *e* pli fermita ol *a* ktp. Ni elparolu serion: *nu-no-na-ne-ni*, sin observante samtempe, ni sentos ke la makzelo pli kaj pli malfermas la buŝon.

La *lipoj* (kun la *vangoj*, kiuj obee sekvas la lipmovojon, iufoje aktive kontribuante al la rezultaĵo) povas formi truon (aperturon) de la buŝo — larĝan aŭ mallarĝan, rondan aŭ ovalan aŭ fendoforman. Ni elparolu, starante antaŭ spegulo, la serion: *u-o-a-e-i*, ni klare vidos, ke la lipoj movas, formas diversajn truojn. Tion bone konis jam *Molière*, kiu ĝin ŝerce prezentis en sia komedio *„Burĝo-nobelo"*. Laŭ la pli-malpli granda malfermiteco de la lipa truo oni klasigas la vokalojn ne nur je „fermitaj" kaj „malfermitaj", ankaŭ je ronditaj *(o, u, ö, ü)*.

Sube ni havas tabeleton de kvin *normalaj* vokaloj ekzistantaj ĉe la plimulto da eŭropaj lingvoj, kaj ekzistantaj en la plej pura stato ĉe la itala kaj serba:

| | angla | franca | germana | rusa |
|---|---|---|---|---|
| A | father | papa | Kahn | mama |
| E | bed | chef | Bett | eto |
| I | seat | filer | bin | mimo |
| O | for | homme | Gott | bog |
| U | full | couper | nur | buj |

Ĉiuj „normalaj" vokaloj povas varii laŭ sia daŭro kaj forto: povas esti longaj, mezaj, mallongaj, akcentitaj, senakcentaj, laŭ la tono kaj emocio de la parolanto, aŭ laŭ la heredaj ecoj de la lingvo. La suprenomitaj naciaj ekzemploj en la vokal-tabeleto, ne pretendas esti precizaj kaj kompletaj, sed nur proksimumaj.

La „normalaj" vokaloj estas la *puraj* vokaloj, produktataj pere de nur la buŝa kavo, kun levita palata velo. Sed kiam la velo malleviĝas, la pli-malpli nefermita naza kavo pli-malpli kunlaboras en la vokalado, kiu tiam fariĝas „naza". La nazaj vokaloj estas gramatike konataj en la franca, portugala, pola, manĉura, sudgermana, uson-angla kaj aliaj lingvoj. Sed reale ili, en malforta grado, ekzistas en ĉiuj lingvoj de la mondo, ofte nerimarkataj, kiel sekvo de kombinaĵo de la naza konsonanto *m* aŭ *n* kun la pura vokalo. En nia lingvo oni povas aŭdi la nazajn vokalojn ĉe multaj personoj en la vortoj: *ankaŭ, sango, ankoraŭ, kanti, ringo, benko* k. s., en kiuj la konsonanto *n* eventuale malaperas, sed la antaŭa vokalo fariĝas „naza". Tia „nazado" ne devas esti konsiderata kiel „erara", „malbona" elparolo, se ĝi sonas malforte, plifaciligante la fluecon.

La evoluo de la naciaj lingvoj, studata dank' al la dokumentoj en kiuj la antikva elparolo estis fiksita, okazas laŭ la naturaj fonetikaj leĝoj, kies ĝusteco restas la sama ankaŭ en nia epoko. Ekzemple la konata vokala gamo *i-e-a-o-u* certe estis valida ankaŭ en la praa tempo, por la hind-eŭropaj lingvoj, ĉar ĝi prezentas sonon *e* kiel la mezan inter *a* kaj *i*, sonon *o* kiel la mezan inter *a* kaj *u*. Efektive, la sanskrita *aum* (magia vorto de l' preĝoj) evoluis ĝis nuna hinda *ôm*, latina *aur-* ĝis la franca *or*, praslava *staina* ĝis la nuna slava *stena*, germana *Kaufmann* ĝis la nuna judgermana *Kofman*. Ĉi tie ni devas atentigi, ke la malnova lingvistika hipotezo pri la tri fundamentaj vokaloj *a i u*, el kiuj devenis la ceteraj *o u y*, nun estas forlasita kiel ne plu koresponda al la nuna stato de la hind-eŭropa lingvistiko.

*) Daŭrigo de la artikolo el la Marta numero.




# Eduka paĝo de l' Instituto J.-J. Rousseau

## *En la Domo de Etuloj*

### *Niaj kunvenoj kun la gepatroj*

De l' komenco de nia laboro en la Domo de Etuloj ni sentis la neceson de intima samagado kun la familioj. Multaj estas la patrinoj, eĉ ankaŭ la patroj, kiuj venadis pasigi iun matenon por ĉeesti la laboron de siaj infanoj. Oni antaŭe interkonsentis pri la regulo: nenia senpera enmiksiĝo, absoluta silento, por ne provoki la malplejan aliiĝon en la kutima medio. Kiom da rivelaĵoj por la gepatroj en tiu aganta eta mondo; ĉiu ĉe sia tasko estas serioza, atentema, singarda, eltrovema antaŭ la malfacilaĵo, plena je bonvolo kaj de entuziasmo por la tasko konforma al lia energio. Post tiuj vizitoj ni ofte havis kuraĝigajn atestadojn: iu patrino malkovris en sia filineto nesupozitajn kvalitojn, alia ekkomprenis la grandan sekreton de l' obeo ĝoja kaj konsenta, tria, frapita de l' kalma atmosfero kiu ĉirkaŭis sian infanon decidis atingi tiun spiritstaton je iu ajn prezo por savi sian knabon de la nervozeco kies kaŭzo ŝi estis.

Tiuj matenoj de observado estis sekvitaj de familiecaj interbiloj: ili konsiderinde pliriĉigis niajn pedagogiajn spertojn kaj pliheligis per nova lumo la novan vojon trairotan. Ĉu vi volas fari por ni Lernejon de Patrinoj. Kiomfoje tiu demando estis al ni adresita. La ideo estis simpatia, interesa kaj realigebla sub tiu aŭ alia formo, nur unu kondiĉo mankis — la tempo. Tiu projekto estas por ni kara, kaj ni ĝin ne forgesas dum la lastaj jaroj tre ŝarĝitaj de la laboro kaj de l' serĉadoj.

Por kontentigi tiun bezonon de l' kunlaboro inter la lernejo kaj la familio, ni organizis la kunvenojn de gepatroj tuj depost la komenco de nia agado. La unua estis inaŭgurita en majo 1915. Ĝi estas notita jenmaniere en nia ĉiutaga ĵurnalo:

> „Ĵaŭde, 24 majo, je la 2-a horo, laŭ la peto de pluraj patrinoj de niaj infanoj, ni invitas la gepatrojn kunveni en la lernejo. 28 ĉeestas. Interŝanĝo de vidpunktoj pri la novaj ideoj de la edukado, inter la konvinkitaj personoj kaj la tradiciemuloj. Diskutoj pri la libereco donata al la infano. La libera elekto de lia laboro (tre malsamaj opinioj pri tiu punkto). Vizito al la klasoj kaj al la laboroj de infanoj. Postulo formulita de pluraj patrinoj, ke la kunvenoj estu regule farataj por permesi al la gepatroj sekvi la intelektan evoluon de iliaj infanoj."

Depost tiu momento la familiecaj kunvenoj okupas regulan lokon en nia laborplano; proksimume — kvar ĝis ses fojoj en la jaro, laŭ la deziroj kaj la bezonoj de la gepatroj. Laŭ la komuna konsento oni elektis studon de iu scienco, ekzemple: unua iniciado de la matematiko, instruado de la legado, evoluo de agemecoj de la infano inter tri- kaj okjara, manlabora aktiveco kiu regas ĉe la infano, la disciplino en la libereco, ktp. ktp. La celo de tiuj kunvenoj tute ne estis trudi niajn konvinkojn kaj principojn, sed, pli ĝuste, krei antaŭ ĉio medion de interkompreno, de konfido. Ankaŭ ilia celo estis estigi la entuziasmon por la serĉado de ĉiuj rimedoj kiuj garantias edukadon pli bonan, pli profundan, pli kompletan — per la familio kaj la lernejo.

Niaj kunvenoj okazas vespere je la 8.30. Plej ofte la etuloj mem skribis propramane la malgrandan inviton al siaj gepatroj. Ankaŭ ili pretigas siajn klasojn, kun la tuta fervoro, tuta naiveco kiu ilin karakterizas tiuokaze, — ornamaĵojn, ekspoziciojn de iliaj laboraĵoj, anoncoj sur la nigra tabulo.

Jen pri tio kelkaj linioj el la tagnota libro.

*Merkredo, 28 oktobro 1925.* — Je la 2-a mi memorigas al la „Lumoj" kaj „Serĉistoj" la venon de iliaj gepatroj kiuj pasigos la vesperon en la klaso.

Edmond: Oni pretigu la ĉambron, unue necesas forigi ĉiujn tabletojn.

Daniel: Bone, fraŭlino, vi voku la portistojn kaj nur diru kien ilin oni metos, kaj tuj la afero finiĝos, vi vidos, ĝi rapidege finiĝos.

Fredy: Mi suprenigos la seĝegojn el la kavo.

Malpli ol en horkvarono la ĉefa laboro estas plenumita, dum kio estis la ĝojkrioj moderigitaj, la piedobruoj toleritaj; ja ili estas 29 laborantoj kiuj flugas pro la entuziasmo, ni tion ne forgesu.

Louis (rigardante la tabletojn destinitajn formi grandan tablon): Fraŭlino, necesas meti la verdan tablotukon kaj la bukedon da folioj, vi vidos kiom ĝi estos bela.

Bertrand: Kaj tion ni ornamos je niaj rozofloroj, permesu al ni fari ĝin solaj.

Varmigitaj per tiu ideo ses ekkomencas la ornamon de la tablotuko. Nivès kaj Georgette estas multe okupitaj je la afero, ili elektis en siaj tabletoj ĉiujn siajn belajn desegnojn kaj ilin pinglas sur la muro. Carmen ĉirkaŭrigardas la tuton kaj ekkrias: Sed niaj panjoj havos doloron en la okuloj, ĉar mankas lumŝirmilo sur la nova lampo.

André: Kaj tiun lampon donacis niaj panjoj, necesas ĝin kovri.

Carmen: Donu al mi paperon, fraŭlino, mi estis faranta ĉi-somere la lumŝirmilojn por lampoj.

Fraŭlino: Mi ne havas paperon, sed estas io kio taŭgos ankoraŭ pli bone.

Simone: Certe, ĝi estas foligirlando, mi ĝin tuj alpinglos, venu Ruth, mi bezonas la helpon.

Dum tiu tempo tri etaj „Lumoj" balais la koridoron kaj la enirejan ŝtuparon. Jean kaj Emile viŝis la seĝojn. La „Lumoj" dismetis ĉiujn siajn kajerojn kaj laboraĵojn sur siaj tabletoj. Ruth, Nivès, Gérard, Guillaume, Janine pendigas ĉiujn flagojn. Ĉio estas preta. ĉiu venas admiri la verkaĵon, la knabinetoj penas ankoraŭ aldoni kelkajn detalojn. Estas la kvara, sen la kvarono.

Hélène: Oh! ni sidu sur tiujn seĝojn, kvazaŭ ni estas niaj panjoj kaj paĉjoj.

Edmond: Jes, tiel, kaj poste vi sidos ĉe via tablo, vi parolados al ni. Mi okupas tiun pretan lokon antaŭ la ornamita tablo.

Daniel: Ho, oni pensus, ke vi estas vendantino, jes, jes, perfekte, vi estas certe vendistino de la desegnoj! Sed kia vendistino mi estos, jen la demando.

Guillaume: Vendistino de la pensoj.

Nathalie: Oh, jes, vere, kaj niaj panjoj kaj paĉjoj pagos kun la plezuro, ĉar ili estos tiom kontentaj pri ĉio kion oni faris.

Sergine prenas pecon da kreto kaj skribas sur la nigra tabulo: „Estas ni kiuj faris ĉi ĉion por vi." Estas la kvara, ni kantas malgrandan versaĵeton kaj ni ĝisrevidas. Bertrand sin kaŝis sub la tablo, mi lin rimarkas: Mi volis resti, vi scias, neniu min vidus, mi tiom ŝatus vidi la paĉjojn kaj la panjojn sidantajn en nia ĉambro. Kontraŭvole li foiras kaj diras al mi forirante: Tamen ĝi estas bonege kiam niaj paĉjoj kaj panjoj venas tiel en la lernejon; ĉu vi kantos kune kun ni la „Domo de Etuloj"? — Verŝajne ni ne havos la tempon, Bertrand, ni havos tiom da aferoj, por interparoli kaj observi.

Bertrand min ĉirkaŭbrakas je la kolo kaj diretas al mi ĉeorele: Do mi foriras, ĉar tio necesas . . . kaj vi tion ne faru, kiam mi estos plenaĝa mi estos pordisto ĉe la Domo de Etuloj, mi staros tie vespere.

Je la oka ni revenas, trovante jam kelkajn panjojn kaj paĉjojn, eksidiĝintajn sur la benkoj de iliaj infanoj, foliumantajn la kajerojn, rigardantajn la multajn laboraĵojn, kiuj ornamas la ĉambrojn. Antaŭ ol veni la gepatroj ricevis multajn rekomendojn, diras ili al ni. Ili ŝajnas esti informitaj pri la plej etaj detaloj de la laboro.

Bonaj kaj malbonaj, ĉiuj verkoj estas ekspozitaj, jam tio sola havas sian valoron, ĉar nur tio povas informi pri la progresoj atingitaj kaj pri la kresko de l' lernanto.

Vidante ĉiujn tiujn kreaĵojn, naivajn kaj primitivajn, de la plej junaj de tri jaroj ĝis la plej aĝaj de ok jaroj, oni havas ideon pri la sumo da penado, da pacienco kaj koncentriĝo, kiuj estis disvolvitaj ĉe tiuj etuloj kiuj prepariĝas por la granda laboro postulota de ili en la vivo.

Ankoraŭ kelkaj promenoj tra la klasoj, kelkaj interparoloj, kaj ni komencas nian kunvenon.

Ni ĉiuj, emociitaj de tiu riĉa agemo, plena je promesoj, trovas ĝuon en la interparolado pri tiu unua intelekto kiu vekiĝas, kaj ni esploras la elementojn necesajn por la disvolvo de tiu kapableco kompreni kaj asimili la faktojn. Ni konsideras kune tiujn tri kondiĉojn: la tempon, la personan sperton, la trankvilon, kiujn ne havigas al la infano nek hejmo, nek lernejo, pro la febreca rapidemo de ambaŭ plenigi je la konoj la infanan kapon.

Antaŭ ĉio necesas doni al la infano eblecon konstrui sian atento-povon. Havigi al li la medion kie li povos riĉiĝi je profundaj impresoj, krei la ekzercojn de intelekta gimnastiko, bazita sur la eksperimento, kiuj disvolvos la individuajn talentojn.

Estas multo por diri pri tiu temo, la horoj forflugas tro rapide. Ankoraŭ kaj ankoraŭ la emocio kaptas nin ĉiujn, vidalvide kun tiu pasiiga problemo de l' infana edukado.

La horloĝo batas la 11-an, necesas rehejmiĝi. Kelkaj patrinoj helpas reordigi la ĉambrojn; unu el ili skribis sur la nigra tabulo jenan parolon:

> Dankon, karaj amiketoj, la vespero
> estis tute bela en via bela domo.
> La panjo de André.

Ni disiĝas, plenaj je nova forto, je granda espero. La eduka tasko estos plene realita en la kunlaboro de la lernejo kaj de la familio.

*M. Audemars.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M. MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1,50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 4,—, 10,—, 20,—; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvjo:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1. 2,50. 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 50. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en FrancIando: No. 22176, Lyon. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Jarlibro 1926.** — Ĝi estas nun korektata kaj presota je la komenco de Junio. La dissendo okazos je la fino de monato Junio.

**Donaco.** — Nia fidela ano S-ro Sam Moser en Zürich donacis al nia oficejo novan skribmaŝinon porteblan. Ni sincere dankas al la afabla donacinto por tiu ĉi praktika donaco.

### Novaj Delegitoj:

**Medias,** Rumanio, Trans. D. D-ro Rudolf Pospiŝil, advokat-kandidato, Strada Unirii 7.

**Minong,** Usono, Wisconsin. D. S-ro Ira B. Cartwright, muelisto.
VD. S-ro George S. Martin, telefonisto.

**Mola di Bari,** Italio, Apulio. D. S-ro Antonio Jiore, universitata studento, II Piazza Vittorio Emanuele.

**Molfetta,** Italio, Apulio. D S-ro Vito de Caudia, universitata studento, Via Domenico Piece 73.

**Mornas,** Franclando, Vaucluse. D. S-ro Gaston Mouillade, jurnalisto.

**Mühlfort,** Germanio, Rheinland. D. S-ro Karl Scheibler, komerca oficisto, Böningstr. 33.
VD. S-ro Heinrich Brendgens, instruisto, Reststrauch 74.

**Nagasaki,** Japanio. D. S-ro Ken Takahara, kuracisto de internaj malsanoj, 56 Ginjamaĉi.

**Nevrokop,** Bulgario, Petriĉ. D. S-ro Konstantin Barbutev, oficisto, Kooperacio „Bor", Selo Pletena.

**Nevers,** Franclando, Nièvre. D. S-ro Pierre Gouttebroze, komerckomizo, 30 Rue du Champ de Foire.
VD. S-ro Louis Berthoud, vendisto, rue de Midi 16.

**Ortofta,** Svedlando, Skane. D. S-ro Martin Dahlin, fervoja kontoristo.

**Ohniŝov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. F-ino Růžena Ranfurová, poŝtoficistino, Ohniŝov u Nového Města n/M.

**Omori,** Japanio, Tokio-Fu. D. S-ro Jikiĉiro Kaŭahara, profesoro ĉe la Centra Universitato (Ĉuo Daigaku) Midorigaoka, Magome.

**Osijek,** Sudslavio, Slavonija. D. S-ro Stefan Predrievac, teatra frizisto, Ružina ulica 137.

**Oulu,** Finnlando. D. S-ro Kaarlo Muona, mekanikisto, Syrjäk 8.
VD. S-ro Väinö Kiiskilä, komizo, Kajjanink 21.

**Palo del Colle,** Italio, Apulio. D. S-ro Pasquale di Natale Lattanzi, universitata studento, Via Umberto 18.

**Parma,** Italio. D. S-ro Giovanni Bonardi, pastro misia, Missioni Estere.

**Perth,** Britlando, Scotland. D. S-ro James M. Robb, komercisto, 18 Spens Crescent.

**Pezinok,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Alexander Diamant, komerca oficisto, Kollárova 17.
VD. S-ino Julianna Emmer, privatulino, Kollárova 14.

**Phoenix,** Usono, Arizona. D. S-ro Charles H. Kinney, elektristo, R. W. 7.

**Polignano a Mare,** Italio, Apulio. D. F-ino Maria Carioggia, universitata studentino, Via Benito Mussolini 42.

**Pori,** Finnlando, Satakunta. D. S-ro Taisto Lindgren, seminariano, Tiilitehtaanp. 4.
VD. S-ino Olga Kursi, negocistino en papervendejo, Vähäuusikatu 11.

**Portsmouth,** Usono, N. H. D. S-ro Alexander Zubkus, laboristo, 427 Hanover Str.

**Pretoria,** Suda Afriko, Transvalo. D. S-ro Henry Thomas, poŝtoficisto, Secretary's Office. G. P. O.

**Přivoz,** Ĉeĥoslovakio, Mor. Ostrava. D. S-ro Johann Gunia, fervojoficisto, Přednádraží 746.

**Puerta de Golpe,** Kubo, Pinar del Rio. D. F-ino Dora Fulladolsa, instruistino, M. Suarez 42.

**Pilnikov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Rudolf Erben, instruisto, Pilnikov u. Trutnova.

**Quirl,** Germanio, Schles. D. S-ro Ernst Franke, fabrikestro.

**Rakov do Pirotski,** (z. p. Babuŝnica) Sudslavio, Srbija. D. S-ro Alexander Nagorni, instruisto.

**Ringköbing,** Danmarko. D. S-ro Hermann Buhlmann, konstruisto de orgenoj.

**Rio de Janeiro,** (kvartalo Andarahy) Brazilo. D. S-ro Ismael Gomes Braga, librotenisto, Rua José Vicente 79, Andarahy.

**Sandberg,** Germanio, Schles. D. S-ro Alberto Weber, lingva instruisto, Hochwaldstr. 6.

**Savonlinna,** Finnlando. D. F-ino Iida Sairanen, instruistino, Suomi.

**Senice na Moravě,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro František Vyroubal, ŝuistomajstro, Senice na Moravě u Olomouce.

**Shipley,** Britlando, Yorkshire. D. F-ino Mary Elizabeth Parker, „Rosendale House", 25 Wellington Crescent.

**Silistra,** Rumanio, Dobrugia. D. S-ro Naco Nacoff, gimnaziano, 27 Str. Principele Nicolae.

**Skara,** Svedlando, Skaraborg. VD. S-ro Gustav Hedert, elektristo, Skolgatan 10.

**Sliač kúpele,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Josef Suchý, librotenisto, župa Zvolen.

**South Cave,** Britlando, E. Yorks. D. S-ro G. F. B. Hall, instruisto, „Killala" Beverlay Rd.

**Stapleford,** Britlando, Nottingham. D. S-ro Arthur William George, fervoja gardisto, „Banksmere" Brookhill Rd.

**Starý Smokovek,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Čeněk Holubec, akumulatora teknikisto.

**Stavanger,** Norvegio, Rozaland. D. S-ro Egill Houen, fervoja telegrafisto, Turrasgt. 4.

**Steyr,** Aŭtrio, Ober-Oesterr. D. S-ro Richard Pfingstmann, oficisto, Ennsleitenstr. 2/12.

**Stupava,** Ĉeĥoslovakio, Slovákio. D. S-ro Rafael Bartal, romkatolika pastro, Stupava ž. 15.

**St. Cyr l'Ecole,** Franclando, Seine et Oise. D. S-ro Robert Julien Filliâtre, P. T. T.-oficisto, 28 Rue de l' Agent Dufraine.

**St. Paul,** Usono, Minn. D. S-ro Henry W. Libby, asekuristo, 682 Endicott Building, 350 Robert Str.

**St. Wendel,** Saar. D. S-ro Hermann Christian, komercisto, Gymnasialstr. 19.

**Tábor,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Emanuel Saturník, ŝparkasoficisto, Na Vrtačkách 1241.
VD. S-ro Dedřich Kratochvil, meblofabrikisto, Koželuhy.

**Tacoma,** Usono, Washington. D. S-ro Frank P. Zent, doganoficisto, Box 781.

**Tateno,** Japanio, Ibaraki-ken. D. S-ro Wasaburo Oishi, estro de la Aerologia Observatorio de Tateno.

**Telde,** Kanariaj Insuloj, Canarias. D. S-ro Narciso Reyes, advokato.

**Teningen,** Germanio, Baden. D. S-ro Eugen Müller, eksporta komercisto, Breisgau-Walzwerk, Post Emmendingen.

**Thiers,** Franclando, Puy de Dôme. D. S-ro Paul Magny, tondilfabrikisto, rue de la gare 40.
VD. S-ro Benoît Gonon, komercvojaĝisto, 101 rue Victor Hugo.

**Tientsin,** Ĉinlando, Chili. D. S-ro Au Samuelo, fervojisto, 92 Yao Hua Li Liscum Rd.

**Tricesimo,** Italio, Friulo. D. S-ro Eduardo Tellini, konsulo de Costa-Rica.

**Triggiano,** Italio, Apulio. D. S-ro Nicola Tridente, doktoro en komercaj sciencoj, Via Cavour 1.
VD. S-ro Giuseppe Campobasso, komercisto, Via Lauza 51.

Genève, 1 Majo 1926.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# LA PAĜO DE LA DELEGITO DE UEA

Estimata sinjoro direktoro!

Kun granda intereso mi legis pri „La financa stato de UEA" en februara numero de „Esperanto".

La delegiton interesas ĉefe la fakto, ke tiom da personoj ne repagis siajn kotizojn. Pro tio mi volas aludi unu punkton, kiu plimalfaciligas la varbadon de anoj:

La ebleco varbi nur unu fojon dum la jaro, anoj por UEA. Mi denove mencias mian proponon iam faritan pri akcepto de anoj ankaŭ dum la jaro je pago de pli malalta kotizo. Mi speciale ĉi tiun proponon je tio, ke oni kreu novan specon da anoj, t. e. duonjaraj. En ĉi tiu speco estas akceptata nur MA-anoj, kiuj ricevas la gazeton nur por duonjaro kaj la jarlibron. Ofte dum la jaro oni estas demandata pri aliĝo al UEA. Sed kiam oni respondas, ke oni devas pagi la tutan kotizon por la jaro, oni ricevas la respondon, ke tiam oni atendas ĝis la nova jaro, el kio sekvas, ke la homo estas tute perdita por UEA, ĉar kio ne estas tuj farita, neniam estas farota.

Bonvolu priparoligi ĉi tiun proponon.

Korajn kaj samideanajn salutojn, via

*Siegm. Freund,*
Del. de UEA en Breslau.

*

*Respondo.* La malhelpo estas facile forigebla. La C. O. povas akcepti aliĝojn dum la jaro, komencanta de aprilo kaj julio. Sed ili validas ĝis la fino de la jaro do 9 aŭ 6 monatoj. La kalkulo estas jena: Abono de la gazeto estas 10 Fr. sv., kotizo 5.00, kune 15 Fr. kaj favora prezo por *Membro-Abonantoj* 12.50 Fr. sv. La proporcio estas $^2/_3$ kaj $^1/_3$. Persono aliĝinta kiel Membro-Abonanto por la tempo Aprilo-Decembro kaj ne deziranta ricevi la gazeton por la unuaj tri monatoj pagas do kvaronon malpli de la abono, sed ne de la kotizo. $^2/_3$ de 12.50 Fr. estas ĉ. 8.40 Fr. Kvarono de tiu ĉi sumo estas 2.10 Fr. Tio prezentas la koston de tri numeroj nedezirataj. Deprenu ĝin de 12.50; restas do 10.40 pagotaj. Aliĝo de Julio-Decembro: $2 \times 2.10 = 4.20$ Fr. deprenata, pagota do 12.50 Fr. malpli 4.20 Fr. $= 8.30$ Fr. ktp. Por simpligi la kalkulon al ĉiuj ni konsentas, ke de la *plena* kotizo (12.50) estu deprenata $^1/_5$ aŭ $^2/_5$ kaj pagota de *novaliĝinto* 10 Fr. aŭ 7.50 Fr. En la ĉefaj monunuoj kun ne samaj ciferoj tio estus:

| | Aliĝo de Aprilo-Decembro (MA) | de Julio-Decembro |
|---|---|---|
| Britlando: | 8 ŝil. | 6 ŝil. |
| Ĉeĥoslovakio: | 40 Kĉ. | 30 Kĉ. |
| Belglando, Franclando, Italio: | 24 Fr. aŭ Lir. | 18 Fr. (Lir.) |
| Germanio: | 8 Rmk. | 6 Rmk. |
| Finnlando: | 48 Fmk. | 36 Fmk. |
| Estonio: | 400 Emk. | 300 Emk. |
| Sudslavio: | 80 Din. | 60 Din. |
| | ktp. | ktp. |

---

La unuan fojon dum mia delegiteco mi devas plendi pri membro. Ano 15958 petis de mi gravan servon. Mi multe klopodis por ĝin plenumi kaj nun kiam mi fine prizorgis la aferon kaj skribis al li kaj miajn elspezojn por diversaj korespondaĵoj mi kalkulis 3 Lirojn (li sendis nur 1 respondkuponon) li depost 17 Januaro ĉ. j. eĉ nek respondis nek repagis miajn elspezojn.

D-ro *Edm. Sós*, Ĉefdelegito en Vieno.

*

*Tiaj plendoj ripetiĝas kaj kaŭzas seniluziiĝon. Ni jam ofte intervenis ĉe anoj por ke ili atentu la statuton kaj plej simplajn kutimojn. La Delegita Ofico estas honora. Senpage faranta servojn oni traktu lin kiel „gentleman" kaj ne kiel pagatan pakajportiston.*

---

## Pri S-ro Kutinĉef.

La delegito de Milano akceptis en sia domo la faman sinjoron Kutinĉef, dufoje, kiu paroladis longe pri sia vojaĝo, sia familio, sia riĉeco, kaj montris valoran kreditigilon ĉe banko. Poste li diris, ke ŝtelisto ŝtelis al li en Svisujo la tutan monon kiun li havis, kaj plendis kaj eĉ ploris! . . . . .

La delegito (naiva) akompanis lin al Esperanto-domo, kie la samideanoj pruntedonis al li monon. Sed ĉiu jam konas la finon. Bedaŭrindege ĉe la malfeliĉa Milana delegito tio okazis jam kvinfoje, sed ĉiam silentis, kvankam ĉiam trompita. Nun li protestas kune kun la Milano samideanaro kaj sciigas, ke la fremdaj esperantistoj vojaĝantaj al kiu okazos ia malfeliĉo plu ne estos helpataj.

*Ippolito Piatti*, Milano.

*

*Respondo: Kiam ni aŭdis pri tiu ĉi trompado ni tuj rilatis kun la koncernaj delegitoj kaj grupoj. Por ke ni pli malfrue posedu dokumentojn ni petis, ke oni sendu al ni mallongan klarigon sur aparta papero, koncize, precize kaj klare citante la faktojn, kun subskribo de la Delegito kaj la grupprezidanto (eventuale ankaŭ la trompitoj) Ni konstatas, ke ĝis hodiaŭ* neniu *el la viktimoj faris tion. El Venezia ni ricevis la klasikan respondon:* Ne valoras ion fari *Se post jaroj ni ree renkontas tiun aventurulon mankos al ni precizaj dokumentoj Aŭtoritatoj postulas pruvojn; kiel ni volas pruvi ion se ekzemple tu skribas sur poŝtmandata ŝtrancaĵo: Persekutu tiun sinjoron, ankaŭ mi pruntedonis monon. — Milde dirita: Tio estas naiveco nesuperebla. Ni jam scias nun, ke post iom da tempo iuj krios: Jes tiu ĉi Centra Oficejo ne intervenis, estas ĝia devo protekti nin; ni protestu! — Tial: Pli da ordo kaj sistemeco.*

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève

**Land- kaj fakorganizoj.**

Ni petas, ke tiuj landaj societoj (precipe transmaraj) kaj fakorganizoj, kiuj ankoraŭ ne starigis daŭran kontakton kun ni, bonvolu tion fari kiel eble plej rapide por progresigi la kunagadon.

**Cirkuleroj.**

La 30 Aprilo estis forsendita cirkulero N-ro 7, konfidenca aldono al la protokolo de Locarno, raporto de la sekretariejo, modifoj al KR-regularo, I. E. S. N-roj 3 kaj 4. Aldonita estis Oka Cirkulero de KR.

**Adreso.**

Ni denove petas, ke oni adresu akurate leterojn al ni. Ankaŭ redakcioj bonvolu sendi sian organon al nia *aparta* adreso (ne kun UEA-sendaĵoj).

**Korespondantoj de I. C. K.**

Intertempe estis elektitaj kaj pagis afable la kotizon: 35. S-ino sennoma; 36. H. Bonnevie, Oslo.

*Rob. Kreuz*
Ĝenerala Sekretario.

## Grava paŝo de la bulgara poŝto favore al Esperanto.

(28) Sekvante la decidon de la lasta kongreso de la Universala Telegrafa Unio, en Paris, kiu adoptis Esperanton kiel „lingvo klara", ekvalidiĝanta la 1 Novembro 1926, la ministerio de P. T. T. de Bulgarujo per speciala dekreto de 19 Marto (N-ro 83076) deklaris Esperanton jam de nun kiel lingvon klaran por la poŝta teritorio de Bulgarujo.

Per oficiala ordono (N-ro 83800) de 5 Aprilo 1926 la Direkcio de P. T. T. informis siajn administrajn organojn pri tiu ĉi dekreto kaj speciale rekomendis al sia personaro la studon de Esperanto. *Por ebligi al la poŝtistoj simplan scion pri Esperanto ĝi samtempe ordonis la afiŝadon de klariga tabelo de la tuta gramatiko de Esperanto en bulgara lingvo kun multenombraj ekzemploj praktikaj en 500 poŝtoficejoj.* *I. E. S.*

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj *Edmonds*, en Welwyn Garden City, Anglujo, dua infano, filo, nomota Steven Alan, la 26-an de Marto 1926.

— Al S-ro *Guillermo Zermeno*, membro de la grupo de Camaguey (Kubo) kaj edzino Lucrezia, naskiĝis filineto Ester Nabor.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *E. Urbach*, Antverpeno (membro A) kun F-ino *A. Weinberg* el Saarbrück.

— S-ro D-ro *Tivadar Austerlitz*, Del. de UEA en Prešov (Slovakio), frato de D-ro Vilmos Austerlitz, Delegito en Bardiov, kun F-ino *Viola Faragó* el Budapest.

— F-ino *Anna Kruze* kaj S-ro *Fricis Burvis*, ambaŭ anoj de UEA en Priekule (Litovio).

**Edziĝoj.** — S-ro *Wenzel Tippelt*, nia vicdelegito en Hermannseifen, Ĉeĥoslovakio, kaj F-ino *Marie Möwald*.

— S-ro Inĝ. *Ladislav Daniel*, en Pardubice kaj F-ino *Milada Havlíčková*, el Praha geedziĝis.

**Honorigo.** — S-ro *Ladislav Daniel*, en Pardubice (Ĉeĥoslovakio), longjara membro-abonanto de UEA, atingis la 19 Marto 1926 en la plej alta ŝtata teknika lernejo en Praha la gradon de la inĝeniero de kemio.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro D-ro **Wolfgang Pezlederer**, eksjuĝisto mortis la 28 Marto en aĝo de 69 jaroj. De 1911 ĝis la lasta malsano li fervore laboris por Esperanto per paroladoj, kursoj kaj gazetartikoloj. Li estis la unua UEA-Delegito en Salzburg, fondinto de la Salzburga Esperanto-Grupo, komisaro de la Esperanto-Instituto Germana, ekzamenkomisio Salzburg, mallonge li estis grava pioniro de la Esperanto-movado en Salzburg. Ni funebras sur lia tombo, sed per liaj meritoj li vivos en nia memoro. *S. E. G. — G. F. S.*

S-ro **Bohuslav Šmuk**, librotenisto, mortis en Moravská Ostrava, ano de UEA.

S-ro **Stefano Hajdu**, hungara kolonelo, fervora esperantisto kaj senlaca propagandisto mortis 3 Aprilo en Budapest. *V. A.*

S-ino **Maria Pavlova Vozdviĵenskaja**, ŝatita kapabla artistino mortis 22 Februaro 1926 en Odessa. Ŝi naskiĝis en Besarabio, estis instruistino kaj en la 1904 edziniĝis kun S-ro Vozdviĵenski kiu rimarkis ĉe sia edzino belan voĉon kaj talenton. Laŭ lia instigo ŝi studis la kantadon en Kiŝinevo, kie okazis ŝiaj unuaj



sukcesoj en la Operejo. En la 1915 ŝi estis akceptita en la Urba Opero de Odessa. Esperantistino depost 1904, ŝi ofte kantis en la koncertoj kaj vesperfestoj de esperantistoj, kompreneble esperantajn kantojn. Al la ĉagrenita edzo, nia fervorega samideano, kaj al la parencoj de la kara mortintino ni esprimas la plej sincerajn kondolencojn.

S-ro D-ro **Dessin**, esperantisto kaj fervora kolektanto de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj per Esperanto, mortis en Bradford.

S-ino **Madarassy-Fodor**, Vicdel. de UEA en Déva, Rumanio. En la domo N-ro 52 de la strato Pricipele Carol loĝis vidvino de Jozefo Schultz 70-jara kaj ŝia filino vidvino de Aladára Madarassy-Fodor, 51-jara. Ambaŭ okupis sin pri fortepianinstruado kaj estis entuziasmaj disvastigantoj de lingvo Esperanto.

Laŭ konstato de la polica esplorado, rabmortigistoj eniĝis la domon sabate vespere post la naŭa. Oni batmortigis per hakilo la virinojn estantaj en lito, faligis sur ambaŭ pliajn trancilpikojn kaj elrabis la tutan loĝejon. Lunde antaŭtagmeze konatulo vizitis la fortepian-profesorinojn kaj tra la malfermita pordo akceptis lin la terurega vidaĵo. La polico tuj esploris kaj sukcesis konstati la personojn de la krimuloj.

(El la gazeto „Erdélyi Hirlap" (Transilvania Gazeto), 31. III. 1926).

S-ro **Alois Neuwirth**, patro de nia Del. en Bregenz (Aŭstrio).

S-ro **Baes**, patro de S-ro L. Baes, ano de UEA, en Jette (Bruselo) mortis — Sinceran Kondolencon —

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigata

---

**Solvoj:** 121 = Lun', nap', pul'; lup', pan', nul'. 122 = Po-e-to. 123 = Tib-er-io. 124 = Me-du-zo. 126 = Virino, vento.

---



127. **Geometria ludo.**

Ĉitiu kava simetria dekkvargono konsistas el 4 interegalaj regulaj kvinlateroj, dividu ĝin en 3 partojn tiajn, ke oni povu fari el ili unu regulan kvingonon.

---

128. **Sur la monda scenejo.**

De l' viv', en la teatro de la mondo | la scenoj tre ŝanĝeme sin sekvadas | kaj foje ulo, filo de l' mizero | de l' ĉifonejo, kie ĝi naskiĝis | al la salonoj oraj supreniras | de la palaco reĝa | kaj foje de la reĝa | palaco super-superulo falas | en tre modestan staton. | Jen de la temp' antikva | imperiestro fama, kiu nun | rezignas akceptante | destinon novan sian modestegan | el ligno iĝi meblo konsistanta | el kelke da tirkestoj | kuŝantaj unu super la alia.

---

### Alumetludoj.

129. **Vinvendistoj, por vi!**



Ĉitiu grekumo | ne pli al vi kostos | ol dek alumetojn; | vi ĝin aliigu | en grandan riveron | de Norda Afriko | kaj post la rivero | pli akva ne estos | ĉar vi el ĝi faros | tre plaĉan trinkaĵon | de l' kor' ĝojigil'.

---

130. **El malbonaĵ' bonaĵo.**

Se frapos vin tre malagrabla sento | ĉu de la korpo, ĉu de la spirito | ne malesperu! Via malbonaĵo | mirakle malaperos se el ĝia | nom' el dudek kaj unu eroj vi | nur unu eron movos; | la malagrabla aĵo ekfariĝos | brilanta el arĝento | de l' Nova Mond' monero.

---

La nomojn de la solvintoj ni publikigos en la proksima numero.

---



## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

---

**Problemo N-ro 172.**
*A v. Eelde*, Bloemendaale
(Zondagsbl. 1904)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 173.**
*V. Marin*, Barcelona
(Capablanca Magazine 1913)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 174.**
*F. Köhnlein*, München
(Reproduktaĵo)



Blanko matas per la 3-a movo

**Problemo N-ro 175.**
*E. Schwebel*, Lwów
kaj *Fr. Hájek*, Praha
(Originalo)



Sinmato per la 8-a movo

N-ro 172. La padpozicio estas forigata per bela ŝlosilo. Ĝusta blokado. — N-ro 173. Rimarkinda trompsolvo Dh7. — N-ro 174. Tie ĉi entreprenas la turo gigantan laboron. Oni ne malprave opinius, ke ĉi foje la ŝlosilo devas trabori la monton granitan. — N-ro 175. Malnovstilaĵo. Kalkulante oni trovas, ke estas necese meti la nigrajn peonojn sur e2 kaj f3, por mati. Nun marŝu ili, sed blanko atentu pri siaj figuroj, ke ili ne malhelpu al si reciproke la taskon.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 169: 1. Re1—d2, Ĉg3—e4+, 2. Rd2—c1 ktp.; Ĉg3—f1, 2. Rd2—c1 ktp.; Ra1—b2, 2. Df2—b6+ ktp.
N-ro 170: 1. c2—c4, b4×c3, 2. Tc5×c3 m.; b4—b3, 2. Tc5×a5 m.; Ra3—b3, 2. Df8—f3 m.
N-ro 171: 1. Rc5—d5 Dh4×h3, 2 Dd8—h4+, 3. Dh3×h4, 3. Tf8—f5+, Dh4—g5, 4 Rd5—e5, Dg5×f5 mato.
Etudo 4: 1. Kb5—f1! Kb7—f3 (Kc8? 2. Tf4!) 2. Kf1—g2! Tg1×g2, 3. Tg4×g3! Tg2×g3, 4. Rg5—h4 kaj gajnas la turon aŭ iĝas pada.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

163 R. Koerselman, Voorst; 167, 168 H. Steding, Bremen; Fr. Tesák, Praha.

*Korespondo:*

S-ro Keiichi Shishido, Kioto (Japan). La reĝo ne povas iri al kampo kiu estas atakata aŭ ŝirmata de la malamika figuro, pro tio ne estas viaj solvoj ĝustaj. Ankaŭ en 161 post Df1+ la R forkuras al g3 sen la mato. — S-ro H. T. Bailey, London. Vi pravas pri la sm. Rh4, Re6. La miskomprenon rezultigis la analizo, celante la forigon de la materia malekonomio.




## 18-a Universala Kongreso de Esperanto kaj Internacia Somera Universitato

EDINBURGO

31 Julio ĝis 7 Aŭgusto 1926

☆

Bulteno N-ro 3, Marto (Eltiraĵo).

**Adreso.** Sekretarioj, 18-a Kongreso de Esperanto, Edinburgo.

**Aliĝoj.** Jam 309. **Aliĝiloj.** Disdonitaj pere de gazetoj (Januara kaj Februara) kaj de naciaj asocioj. La L. K. K. kore dankas la redaktorojn pro ilia helpo. Nericevintoj bonvolu peti aliĝilon rekte de la sekretarioj.

**Kotizo.** 20 ŝilingoj britaj = proksimume 20 germ. RM, 25 svis. fr., 12 nederl. guld, 5 uson dol. Oportuna maniero sendi la kotizon, estas per brita ŝtatbileto por £ 1 sendota per registrita (rekomendita) letero; aŭ per ĉeko por £ 1 : 0 : 3.

**Garantia Kapitalo.** Jam garantiita £ 266 (6650 fr. svis.)

**Donacoj ricevitaj.** Por ordinara kaso £ 39 (975 fr. svis.) Por blindula kaso £ 13 (kaso por ebligi blindulojn partopreni la kongreson). Por speciala celo £ 60 : de du malavaraj samideanoj, sub la ĉifra devizo, „Ŝmizropga tivŭut hahome un ĉosopjuh.“ La unua solvonto de tiu ĉifro ricevos de la donacintoj senpagan kongreskarton.

**Somera Universitato** (senpage por ĉiuj kongresanoj). Al la listo oni aldonu sub ‚Folkloro kaj popolaj kantoj“: katalunaj: S-ro Jaume Grau Casas, kaj hispanaj: S-ro Julio Mangada Rosenörn. S-ro Andreo Ĉe prelegos pri „La rekta metodo en la instruado de Esperanto.

**Fakaj kunvenoj.** Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn. Ĝis nun malmultaj anoncis.

**Oratora konkurso.** Konkursontoj bonvolu avizi pri siaj intencoj partopreni.

**Tramveturoj.** La L. K. K. sukcesis fari financan aranĝon, laŭ kiu ĉiu kongresano povos uzi senpage dum la kongresa periodo, ĉiujn Edinburgajn tramveturilojn, kaj urbajn omnibusojn.

**Mendiloj por loĝado, ktp.** Jam senditaj al kongresanoj, ktp. Nericevintoj bonvolu peti mendilon rekte de la sekretarioj.

**Kongresa fotografiĝo.** Okazos mardon, 3 Aŭgusto.

**Kongresaranĝoj.** La L. K. K. plezure anoncas, ke la internacie konata fortepianisto, S-ro Jean Baptiste Toner, ludos solaĵojn ĉe dimanĉa koncerto.

**Akcepto ĉe britaj havenoj.** Kongresanoj irontaj al iu el la jenaj havenoj, anoncu al la nomataj samideanoj, sufiĉe longe antaŭtempe, la daton de alveno, por ricevi dum la trapaso ian helpon bezonatan.

London, London Congress Committee, c/o British Esperanto Association, 17 Hart Street, London, W. C. 1.

Belfast, F-ino S. M'Cullough, 78 Earlswood Road, Strandtown.

Bristol, S-ro E. M. Preston, „The Rosery“, Westbury-on-Tryn.

Dover, S-ro W. Chitty, 51 Park Avenue, Dover.

Dublin, S-ro T. P. Barry, 46 Caledonia Terrace, Haddington Road.

Folkestone, S-ro J. S. Clough, 62 Guildhall Street, Folkestone.

Glasgow, F-ino Yuille, 32 Minerva Street, Glasgow, C. 3.

Grimsby, S-ro W. M. C. Nowell, 194 Farebrother Street, Grimsby.

Hull, S-ro A. E. Hepton, 89a Grafton Street, Hull.
S-ro F. W. Coulson, ĉe Ŝipkompanio, „Wilson Line“, Hull.

Liverpool, S-ro J. D. Applebaum, 11 Mayville Road, Mossley Hill, Liverpool.

Newcastle, S-ro A. R. Fairbairn, 21 St. Mary's Terrace, Ryton-on-Tyne.

Southampton, S-ro R. N. Bruton, 14 Suffolk Avenue, Southampton.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Tarifo:

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv.
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

Naciaj prezoj:

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0.50, 0.40, 2 pesos oro; **Aŭstralio:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil.; **Belgio:** 4, 3, 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kč.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.; **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.; **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro; **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.; **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk.; **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio:** 1, 0.75, 2.50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot.; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra kaj Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Aŭstrio.

**Graz.** S-ro V. Starý, konsulata sekretario kaj ĵurnalisto, Merangasse 20, L, PI bfl, korespondas ankaŭ france kaj angle.

### Bulgario.

**Burgas.** S-ro Leon Basan, ĉe Jomtov Avramov, PK, PI kĉl.

**Nevrokop.** S-ro Nikola G. Zvanĉarov, ul. Varoŝa 483, PI, fotoj.

**Stara-Zagora.** S-ro Penĉo Kalpakĉiev, notario ĉe St.-Zagora'a distrikta juĝejo, L PK, PI kun gejunuloj ĉl. Certe respondos.

### Ĉeĥoslovakio.

**Braunau-Voigtsbach.** S-ro Rudolf Scholz serĉas korespondantojn por siaj klubanoj.

**Braunau.** S-ro Vilho Zocher, PM kĉl., escepte Germanio kaj Aŭstrio. Ĉiam almenaŭ 200. Sama nombro de PM ĉeĥoslovakaj tuj ekspedataj.

**Broumov.** S-ro Josef Tauchmann, 1. rota hran. prap. č. 2, PI, L, gazetojn.

**České Budějovice.** S-ro Václav Tichý, 25-jara, Kněžská 299, PI bfl, orientanoj estas bonvenintaj.

**České Budějovice.** S-ro Karel Klauda, Jeronýmova 1, PI bfl, precipe kun orientanoj, kaj L pri teknikaj temoj.

**Hronov nad Metují č. 204.** S-ro Bedřich Kobr, PM, PI, bfl, fotojn kĉl.

**Jičín.** S-ro František Kudrna, sekr. de esperanta klubo, Husstrato 52, PI kun la tuta mondo. Tuj al ĉiu kaj ĉiam nepre respondos.

**Jičín.** S-ro František Šádek, N. město 52, PI bfl kĉl., ŝatas ricevadi migrantajn kartojn por sendi plue.

**Kroměříž.** S-ro Adolf Bartošík, kand. učit., PI, PM, Ex libris kĉl., certe respondas.

**Landskron.** S-ro profesoro Albin Dewaty, deziras interŝanĝi germanajn beletristikajn librojn kontraŭ hispanaj kaj hungaraj verkoj.

**Polička.** S-ro Frederiko Indra, studento, Hpř. 325, PM kĉl.

**Praha-Bubeneč.** S-ro Ferdinand Votrubec, poŝtkasisto, Schnellova 21, PK, L, poŝtaj aferoj, pacifismo, teozofio, socialismo ktp.

**Praha II.** S-ro Jan Grim, Karlovo nám. 12, ĉe S-ro Jelinek, PK, PI bfl kĉl.

**Praha II.** S-ro Bohumil Paleček, Vyšehradská 49, L pri radio.

**Staňkov 217 u Plzně.** S-ro Frant. Ernst, tajlora helpanto, PI, L kĉl.

**Tetschen a. Elbe.** S-ro Rudolf Pietsch, Bensnergasse 64, PI kĉl., certe respondas.

**Železnice u Jičína.** S-ro Jaromir Zajíček, redaktoro, PI, L kĉl., escepte Aŭstrio kaj Germanio.

### Finnlando.

**Seinäjoki.** S-ino A. Mantere, PI, L kĉl.

### Franclando.

**Boulogne s. Seine.** F-ino Rigolet, 78 Avenue de la Reine, ne plu akceptas novajn korespondantojn.

### Germanio.

**Berlin-Tegel.** S-ro Walter Pawelski, Hermsdorfer Str. 11, III, L, PK kun teknikistoj.

**Bischofswerda (Sachsen).** S-ro Heinz Domschke, UEA-delegito, „Germana Superlernanto“, Süssmilchstr. 4, I, L, PI pri ĉiuj temoj kĉl., precipe kun la oriento, ankaŭ Afriko. Respondos ĉiam!

**Kronach** (Oberfranken). S-ro Robert Fork, Klosterkeller, L, PI unukolorajn, precipe kun japanaj, ĉinaj, persaj, turkaj, amerikaj kaj afrikaj samideanoj, ankaŭ kun fraŭlinoj. Nepre respondas.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro Jaime Cartró, Llacuna, 1-1°-1, PM kĉl.

**Barcelona S. A.** S-ro Rdo. D. Salvador Ester, Pbro, 4 Paseo de Fabra y Puig, 134, PK. Respondas ĉiam.

**Gijon.** S-ro Alfredo Villa, Ruiz Gomez 13-1º, L pri fonetiko kaj novaj internaciaj lingvoj postesperantaj. Mi kore dankus ricevi gramatiketojn por elverkado de libro pri tiu interesplena temo. Laŭdezire mi pagos por la sendaĵoj.

**Palma de Mallorca.** S-ro Antonio Noguera, Puigredón 15 (Sou Espanolet), PI bfl kĉl. Ĉiam respondos.

**Palma de Mallorca.** S-ro Juan Matas, Bayarte 16, PM kĉl. Certe respondas.

**Palma de Mallorca.** S-ro Gabriel Alomar, Sindicato 17, PI, L, PM kĉl.

### Italio.

**Brescia.** S-ino Gino Guarinoni, studento, Metia Instituto Moretto, Via A. Tagliaferri 50, PI, L, PM kun la tuta mondo por li kaj kunlaborantoj.

**Potenza.** S-ro Franco Morlino, Via Pretoria 114, PM kĉl., bazo ĉiuj katalogoj, rekomendita poŝto.

**Torino** (8). S-ro Ottavio Unia, delegito de Itala Esperanto-Federacio, Via Garibaldi 9, PI kĉl., ĉiam kaj rapide respondos.

### Japanio.

**Yamaguchi-ken.** F-ino Macuko Takahasi, Tomioka-mura, Tsuno-gun, PI bfl, L kun gejunuloj el la tuta mondo, plej legeble skribu adreson.

### Nederlando.

**Papendrecht.** F-ino A. M. Gobiet, L kaj PK kun samideanino japana aŭ ĉina.

### Pollando.

**Warszawa.** S-ro Jakob Wizenberg, studento de arkitekturo, str. Sienna 33, nur belaj kaj belartaj PI.

### Ruslando.

**Moskvo.** S-ro A. Prager, Box 605, deziras korespondi kun fotografistoj de ĉiuj landoj por organizi internacian asocion de fotografistoj, PI nur bfl.

### Saarteritorio.

**Böckweiler-Blies.** S-ro Nic. Donien, oficisto, Breitfurter Str., L, PK kĉl. nur kun lertaj esperantistoj pri ĉiuj temoj.

**Breitfurt-Blies.** S-ro Paul Oelkrug, oficisto, Bürgermeisteramt, PI kĉl., garantias certan respondon.

### Sudslavio.

**Janjina** (Dalmacio). S-ro D-ro Fritz Ziegelbauer petas ne plu ion sendi al li, ĉar ne havas praktikon en la lingvo.

**Novi-Sad.** S-ro Jozefo Munka, masonisto, Kelĉejeva ul. 22, PM kĉl.

**Subotica.** S-ro Imre Beck, Vilsonova 1, PI bfl el Portugalo, Greklando, Turkio, Albanio, Norvegio. Certe respondos.

### Svedlando.

**Boras.** S-ro Anders Fihn, Polisstationen, kun policistoj en ĉiuj landoj L, PI.

**Boras.** S-ro Axel Anderson, Rosendal 4, L, PI kĉl.

**Boras.** S-ro Gunnar Lindqvist, Petersbergsgatan 7, PI, L kĉl.

### Usono.

**Flint** (Mich.). S-ro Carl E. Larson, 4610 Crissman str., L, PI kĉl.

**Madison** (South Dakota). S-ro Bruno Beckman, studento, c. o. Rev. Val. Junker, 321 Third Street North West, L pri amikeco kaj sekso precipe en Azio, skribu libere kaj malkaŝe.

**Moundsville** (West Virginia). S-ro Herbert M. Scott, redaktoro de „Amerika Esperantisto", PM prefere kun ekstereŭropanoj aŭ multhavuloj. Ne sendas unue. Rekomendigu.

**Philadelphia** (Pa.). S-ro Wash Hudson, 4312 Aspen Street, L, PI en Esperanto, angla kaj franca lingvo, PM saman valoron, kolonioj de Eŭropo prefere.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Al geinstruistoj ĉiulandaj.** La interŝanĝado estas forta interesigilo por geinfanoj kaj plenaĝuloj. Kiuj do volas interŝanĝi specimenojn de infanverkaĵoj (skribaĵoj, desegnaĵoj ktp.) verkitaj en lernejoj? W. J. Downes, Tonbridge, Kent (Anglujo).

**Almanako esperanta.** S-ro A. Prager, Moskvo, U. S. S. R., Box 605, malnova esperantisto (de 28 jaroj), petas ĉiujn pionirojn de esperantismo sendi adresojn por eldono de almanako. Fotoportretoj estas petataj.

**Birdkulturistoj** (gekokoj ktp.), precipe danaj, anglaj kaj amerikaj, estas petataj korespondadi kun Tutruslanda Societo de Birdedukado kaj Agrikulturado. Adr. S-ino Olga Prager, kasistino de filio en Saltikovska-Daĉnaja, U.S.S.R., Oktobra str. 63.

**Britoj** estas petataj, peri okupadon (Julio, Aŭgusto, Septembro) aŭ unumonatan malmultekostan restadon en brita familio al instruistino instruanta la anglan, francan, germanan, esperantan lingvojn kaj stenografion. Ludas fortepianon kaj konas komercan korespondadon. Serĉas ankaŭ kunkongresontojn. Adreso: F-ino E. Tham, Hohenelbe 159, Ĉeĥoslovakio.

**Ĉiulandajn instruistojn** mi petas pro statistikaj bezonoj pri alablaj sciigoj pri 1. dato kaj daŭro de lernejaj ferioj (libertempo), 2. en kiu lernej-jaro (klaso) kaj kiom oni instruas pri ĉeĥoslovaka respubliko. Antaŭdankas faka instruistino Julie Šupichová, Malá Štěpánská 6 n., Praha II, Ĉeĥoslovakio.

**Doktoroj.** Bezonata: literaturo kaj sciigo de rimedoj pri kontraŭ-gravediĝeco, naskiĝkontrolo kaj aborto. Literaturo kaj respondo povas esti esperante, angle, germane aŭ boheme. Komuniku kun D-ro J. J. Scholtes, 2447 Lorain Ave., Cleveland, Ohio, Usono.

**„Esperanto"**, N-ro 6 (265), 1922, Helsinki. Ni bezonas por urĝa afero 3-5 numerojn de tiu numero de „Esperanto" de UEA. Al afablaj sendontoj ni sendos interŝanĝe dokumentaron de la kongreso de Genève, Adresu al: Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

**Filatelistoj!** Bonvolu postuli miajn belajn elekto-sendaĵojn de PM de Eŭropo kaj mian novan prezaron. S-ro Schultze, Koeslin (Pomm.), Germanio, Postschliessfach 5.

**Filatelistoj!** Sendu al mi 500—1000 PM de kia ajn lando, vi ricevos saman kvanton pligrandan valoron de Italujo, italaj kolonioj aŭ de aliaj ŝtatoj. Mi vendas mal-, mez- kaj grandajn poŝtmarkajn kolektojn de ŝtatoj de la tuta mondo donante rimarkeblajn rabatojn rilate Yvert 1926. Mi vendas ĉiujn kompletajn rememorigajn seriojn italajn je konvenaj prezoj. Mi faras bonegajn poŝtmarkajn sendaĵojn laŭelekte kontraŭ mondepono de 30 it. lir. Filatelia Studejo Decio Falconi, Via Sebino 11, Roma (36).

**Gramofon-Diskoj en Esperanto** parolitaj de D-ro Privat. Petu detalojn senpage ĉe la Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1, Anglujo.

**Informoj el Afriko.** Informojn el Etiopio, komercajn, industriajn kaj aliajn, mi sendos por sumo de 15 francaj frankoj. Leterojn mi akceptas rekomendite kaj same mi respondos. Mi akceptas reprezentadojn. K. F. Ludvik, Esperanto-Inform-Oficejo, Addis Abeba, Ethiopie-Afriko.

**Komerca kunlaborado.** Mi serĉas en ĉiu lando, prefere neeŭropaj, korespondistojn por akiro (interŝanĝado) de adresoj, speciale komercistoj (importistoj de ludiloj, ferniloj, vitrajinstrumentoj kaj aliaj hejmindustriaĵoj de Thüringen. Kompenso laŭ interkonsento. Skribu al Bernhard Petz, Coburg, Germanio, Bahnhofstr. 33.

**Malnovaj numeroj de „Esperanto".** Mi bezonas numerojn 1—10, 12—28, 31, 44, 48, 50, 68, 141, 146—148, 173, 174, 176, 178—184, 193, 194, 222, 223, 227, 233, 248 kontraŭ aliaj malnovaj numeroj de „Esperanto", „Esperanto Triumfonta", PM de Latvio, PI aŭ io alia dezirata. S-ro T. Indra, Pk. 475, Riga, Latvio.

**Nova lernolibro por germanoj**, nomita „Esperanto-Führer". Mallonga, simpla, klara. Vojaĝolecionoj, radioesprimoj, komercvortoj. Sendado ĉien por 1 germana marko de Esperanto-Verlag Meyer & Co., Königsberg i. Pr. (Germ.), Börsenstr. 4.

**Pensionulo.** Instruisto serĉas lernantojn el transmara familio, kiuj volas viziti germanan gimnazion aŭ alian bonan lernejon kiel pensionuloj. Bona akcepto certigata. S-ro Schüppel, mezlerneja instruisto, Friedrich-Franz-Str. 41, Parchim (Germanio, Mecklenburg).

**Poŝtmarkojn** de la estinta Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio kaj aliajn, ankaŭ PI de urboj interŝanĝas Antonín Franěk, okulta mediumo, Pisek, Pražská 166 (Ĉeĥoslovakio).

**Premio-konkurso.** La Modern Language Press de Milwaukee, Wis., 69 Wisconsin St., Usono, proponas unuan premion je 100 sv. fr. por originale verkita Esperanto-teatraĵeto (skribita per skribmaŝino) en unu aŭ du aktoj (1500—2500 vortoj), du duajn premiojn je 50 sv. fr. ĉiu, kaj du triajn premiojn je 25 sv. fr. ĉiu. La M. L. P. rezervas la ekskluzivan rajton eldoni la premio-pagitajn verkaĵojn Lasta dato por ricevo: 1-a Septembro 1926. Neakceptitaj verkaĵoj estos resendataj, se afranko por tio akompanas ilin.

**Samideanoj helpu!** Por fari propagandon ĉe la loka turisma oficejo kaj devigi ĝin eldoni esperantlingvan gvidfolion de nia urbo, ni petas afable sendi diversajn gvidfoliojn, prospektojn ktp. pri vizitindaj lokoj. Helpu ĉiu, kiu povas! Ĉiu sendinto ricevos rekompence PI de nia urbo. Adreso: Liepajas Esperanto Biedriba, Helenes 2, Liepaja, Latvio.

### Al la tuta esperantistaro!

Mi bezonas almenaŭ: 2000 (du mil) PI bfl kaj specimenon de ĉiu esperantista kaj poresperanta gazeto.

En nia urbo (40000 enloĝantoj) en preskaŭ ĉiu familio oni legas (krom kelkioje ankoraŭ Hamburga gazeto) la solan tagan Wandsbekan gazeton. Ties redaktoro al mi jam diris, ke ili kontraŭlaboros ĉiun Esperanto-propagandon. Spite mi volas en aŭtuno starigi ĉi tie Esperanto-kursojn kaj poste grupon. Pro tio mi volas en Septembro aranĝi grandiozan ekspozicion. Por tiu mi bezonas krom aĵoj, kiujn mi mem jam nun komencas fari, la ĉi supre nomatajn. La ilustritaj poŝtkartoj aŭ estu fotografaĵoj de la sendonto, aŭ bildoj de landaj vestaĵoj aŭ bildoj de famaj pejzaĝoj, urboj kaj vilaĝoj — la poŝtmarkoj senescepte estu sur la bildflanko. Mi faras mem jam nun kvin aŭ ses grandajn mondkartojn (radio-sendiloj, UEA-, SAT-delegitoj ktp.). Ĉu mi povos respondi al ĉiuj sendontoj mi ne jam scias, sed mi provos tute novan vojon por tio; sed informojn pri la ekspozicio kaj ties efikoj ricevos krom bildoj ĉiu granda Esperanto-gazeto por publikigo. Pri libropruntoj mi ne petas, sed kiu pruntos ion, tutcerte rericevos ĉion. Nun mi petegas ĉiujn gesamideanojn pro subteno, por la unuopaj sendontoj ne estas granda elspezo, sed por mi ĉio kune grandega helpo. — La adreso estu: Esperanto-Ekspozicio per Friedrich Gerstner, UEA-delegito, Wandsbek, Germanio, Oehlmühlenweg 66.

